VIIIa jaro. N° 116 ★ Duonmonata ★ 5 Februaro 1912

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

ABONO

Jara abono . . . . . . 2,00 $ (5 fr. »)
Luksa eldono. . . . . 2,50 $ (6 fr. 25)

*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :

HECTOR HODLER

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). 20 Sd.
Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . 15 Sd
Korespondado (1 enskribo) . . 20 Sd

*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



# POŜTAJ DEMANDOJ

Mi mirigos neniun, se mi diros, ke la internacia poŝto estas unu el la publikaj servoj, kiujn plej ofte uzadas la Esperantistaro. Ĉi tiu do estas rekte interesata pri ĝia bona funkciado kaj ĝiaj progresoj, kaj, pro sia internaciema spirito, ĝi havas la devon atenti pri la diversaj faktoj koncernantaj la evoluadon de tiu gravega servaro, kiu ludas tiel signifan rolon en nia moderna vivo.

Kiel oni scias, la progresoj de la monda poŝta trafiko estas ŝuldataj precipe al la fondo de la Universala Poŝta Unio (1), kiu grandparte forigis la sennombrajn komplikajojn antaŭe ekzistantajn en la internacia trafiko kaj alportis la gravan profiton de la unuforma tarifo de la korespondajoj kaj presaĵoj. Ebligante tiun interkonsenton, la iniciatintoj de la Poŝta Unio certe helpis multege al la plifaciligo de la interpopolaj rilatoj. Tion cetere konfesis la svisa federala konsilanto Borel, kiam li malfermis la unuan kunvenon por la fondo de la poŝta interkonsento (Berno, 1874) : « ... Labori por la fondo de l'internacia poŝta unuiĝo estas labori por la bono de l'homaro kaj al la granda verko de civilizado. Ĉiuj en tiu rilato efektivigitaj progresoj utilas al la ŝtatoj kiel al la individuoj, al la malriĉuloj kiel al la riĉuloj, al la bezonoj de l'morala mondo kiel al la materiaj interesoj. Ili kontentigas la bezonojn de l'koro kiel tiujn de l'komerco, de la scienco kaj de l'industrio ; ili alproksimigas la naciojn kiel la familiojn kaj helpas al la ideala perfektigo de la homa gento, donante al la homo la rimedojn etendi sian laboron al la tuta terglobo... ».

La Poŝta Unio, kiu komence ampleksis dek-tri landojn, nun etendiĝas super la tuta mondo (2). Ĝi fariĝis la plej kompleta tipo de internacia organizaĵo, kun sia leĝdona potenco reprezentata de la kongresoj kaj konferencoj, sia juĝa potenco, sia administra oficejo, sia lingvo (la franca), sia pezunuo (la gramo) kaj sia monunuo (la franko). Dum la lasta jaro la nombro de la sendajoj interŝanĝitaj super ĝia teritorio atingis 50.000 milionojn.

Se la fondo de la Poŝta Unio estis grandega progreso rilate al la antaŭa stato, estas nedubeble, ke kiel ĉiuj homaj institucioj — ĝi povas kaj devas fari ankoraŭ novajn progresojn. Cetere, de la jaro kiam ĝi estis fondita, ĝi senteble progresis. Ĝi ne nur gajnis novajn landojn, sed interne de ĝi diversaj interkonsentoj estas faritaj inter la plej antaŭenemaj regnoj por krei novajn servojn, ekzemple pri poŝtmandatoj, poŝtrepagoj, abonado de la gazetoj ĉe la poŝtoficejoj, respondkuponoj — tiu lasta aparte ŝatata de la Esperantistoj.

Ni nun mallonge ekzamenu la diversajn plibonigojn, kiuj estas plej dezirataj. Ni kompreneble parolas pri progresoj realigeblaj sen tro granda skuo kaj kiom permesas la nuntempa organizo de la poŝto bazata sur la nacia organizo.

La plej ĝenerala postulo de ĉiuj rondoj havantaj internaciajn rilatojn estas la plimalaltigo de la letera afranko ĝis kvar spesdekoj (3). En tiu rilato iaj progresoj estas faritaj

(1) Vidu resumon de ĝia historio kaj de la poŝtaj rilatoj antaŭ ĝia kreo en ESPERANTO de 20 oktobro 1909.

(2) La solaj landoj ne ankoraŭ aliĝintaj estas Beluĉistano kaj Afganistano.

(3) Vidu pri tio ESPERANTO de 5 novembro 1911 : *Universala poŝta afranko* (F. Pillath).

en la lastaj jaroj. Kvankam la lasta kongreso de Poŝta Unio en Romo (1906) malakceptis la malplialtigon de la poŝta tarifo, multaj najbaraj landoj subskribis interkonsentojn sekve de kiuj la enlanda tarifo estas aplikata al la leteroj interŝanĝataj inter la kontraktintaj landoj. Ekzemple, Germanujo interkonsentis pri kvarspesdeka afranko kun Aŭstrio-Hungarujo, Luksemburgo kaj parte kun Usono; Granda Britujo same interkonsentis kun Usono; tuta Nord-Ameriko, Aŭstralio, Sud-Afriko formis similajn unuiĝojn. Plie, la kolonioj jam rilatas kun siaj respektivaj regnoj je la kvarspesdeka tarifo. Aliaj landoj estas nun en intertraktado por apliki la saman aranĝon en siaj poŝtaj rilatoj. Ni do estas sur la vojo al la realigo de tiu postulo. Ĉar por la ŝanĝo de tarifo kaj aliaj gravaj demandoj, la unuanimeco de la regnoj estas necesa, estas plej kredeble, ke la kvarspesdeka tarifo estos enkondukata iom post iom per interŝtataj kontraktoj. Tiu vojo certe ne estas la plej oportuna, sed en la nuna organizo de la Poŝta Unio, alia ne estas ebla. Kiam la nombro de la specialaj interkonsentoj estos ankoraŭ pli granda, oni facile povos ilin unuigi kaj ni tiam ricevos la unikan poŝtan afrankon por la plej granda faciligo de la internaciaj rilatoj. Kiel paŝo al tiu reformo kaj paralele al la agado per specialaj insterŝtataj kontraktoj, oni povus klopodi, ke la venonta poŝtkongreso (Madrido 1913) favore konsideru la proponon pri malaltigo de la leterafranko ĝis 8 sd. (Kiel proponis Japanujo en 1906) aŭ 6 sd. kaj, daŭrigante la reformon komencitan en Romo, pliâltigu la pezlimon de la leteroj de 20 gramoj (ĝi antaŭe estis 15 gramoj) ĝis 25 aŭ 30. Ĉar tiuj reformoj, ŝajne ne gravaj, havas — pro la granda trafiko — sufiĉe konsiderindajn budĝetajn konsekvencojn sur la financan politikon de la ŝtatoj, oni nepre ne povas iri tro rapide, kvankam fakte la sperto montris, ke plimalaltigo de la tarifo estis baldaŭ kompensata per pligrandigo de la trafiko. Ĉiuokaze por atingi favorajn rezultatojn, estas necese, ke la interesataj rondoj kiel la komercaj ĉambroj, industriaj korporacioj, internaciaj organizajoj — kaj inter ili, kial ne ankaŭ la Esperantistaj? — faru energian agitadon por agigi la koncernajn registarojn.

* * *

Sed se la malplialtigo de la afranka tarifo estas dezirinda, ne malpli utila estus la etendigo de la aliaj specialaj interkonsentoj al la tuta teritorio de la Poŝta Unio. En tiu rilato ekzistas ankoraŭ multaj malhelpajoj: El kaj al Hispanujo oni ne povas sendi poŝtmandatojn — fonto de sennombraj malagrablajoj — Rusujo, Arĝentino kaj kelkaj aliaj ne posedas respondkuponojn; la ekspedo de pakajoj obeas al komplikaj tarifoj, k. t. p. La malapero de tiuj esceptoj estas dezirata de ĉiuj, kiuj havas vere tutmondajn interrilatojn.

Aliparte la poŝto en kelkaj progresemaj landoj servas ne nur por transportado de leteroj kaj objektoj; ĝi ankaŭ faras aliajn servojn al la publiko. Ekzemple, diversaj regnoj interkonsentis por ke oni povu ĉiun gazeton aboni ĉe la poŝtoficejo sen plia elspezo. Aliaj subskribis interkonsentojn pri poŝtrepagoj, interŝanĝoj de sendajoj kun deklarita valoro, k. t. p. Sed en tiuj interkonsentoj partoprenas ne ĉiuj regnoj. Citante nur la gravajn, Britujo, Francujo, Rusujo ne aliĝis al la interkonsento pri abono de la gazetoj (4), por Britujo, Rusujo, Usono poŝtrepagoj ne estas eblaj. Mi facile povuspli-multigi la ekzemplojn. Sufiĉas la ĉi-supraj por montri, ke pri tio ekzistas komplikajoj, kies forigo estas urĝa. Se la kreebleco de apartaj unuiĝoj interne de la Poŝta Unio estas elemento de progreso, ĉar ĝi permesas al la antaŭeniremaj landoj kunligiĝi, ĝi estas ankaŭ kaŭzo de komplikajoj. La kulpo venas precipe de la poŝtadministracioj, kiuj en kelkaj landoj estas ofte tro rutinemaj aŭ nesufiĉe bone organizitaj, kaj ankaŭ parte de financaj kaŭzoj. La plej fundamenta rimedo estus, ke anstataŭ esti devigata alpreni siajn decidojn per unuanimeco (5), la Poŝta Unio havu la eblon decidi per absoluta plimulto aŭ per plimulto de la dutrionoj, kiel nun okazas por la ne gravaj demandoj. Tiamaniere kiam iu servo estus decidata per la dirita plimulto, ĉiuj regnoj havus la devon ĝin aranĝi. Sed tia ŝanĝo estas malfacile realigebla, ĉar por ĝin fari oni ĝuste bezonas la unuaniman konsenton de la ŝtatoj. Tre dube estas, ke ili akceptus tian enmikson en sian propran administradon kaj la starigon de leĝodona kaj leĝofara superŝtato. Ke la poŝto iam fariĝos « supernacia » servaro, tio estas verŝajna kaj esperebla, sed ni ne ankoraŭ alvenis je tiu stadio. Ŝajnas do, ke nuntempe oni ne povas esperi multon per agado ĉe la Poŝta Unio mem sed ke oni devas sin limigi al energia klopodado ĉe la prokrastemaj landoj, por ke ili aliĝu al la ekzistantaj interkonsentoj. Tiu agado devas esti samtempe nacia kaj eksternacia. Unuparte, la nacianoj mem ĝin faras por plifaciligi la rilatojn de la lando kun la ekstero; aliparte, la alilandanoj dezirante pli oportune komuniki kun la koncerna lando simile klopodas. Se tiu agado estas aranĝata sufiĉe unuforme kaj sisteme, estas certe, ke iom post iom la landoj, kiuj rilate al tio staras nun malantaŭe, aliĝos al la diritaj interkonsentoj, kiuj ampleksinte sufiĉe multajn regnojn sin trudos al ĉiuj, ĉu pro sia propra utileco, ĉu pro evito de la komplikajoj rezultantaj de la diverseco.

Pri tiuj demandoj, U. E. A., kiam ĝi estos pli forta kaj ampleksos pli grandan publikon de interesuloj kaj fakuloj, kiel firmoj, komercaj ĉambroj, internaciaj societoj, povos fari utilajn kolektivajn servojn, kunigante la pli-malpli izolajn plendojn kaj dezirojn de la publiko de l'poŝtuzantoj kaj klopodante pri ilia kontentigo. Por tio la unua kondiĉo estas, ke niaj Delegitoj sin liberigu de la ideo, ke U. E. A., estas pure esperantista organizajo.

Ĉiuokaze estas neeviteble, ke pro la kreskantaj internaciaj rilatoj la specialaj interkonsentoj pli kaj pli etendiĝos kaj universaliĝos. Same, konsiderante tion, kio jam okazas en kelkaj bone administrataj landoj, la poŝto pli kaj pli organizos servojn por la utilo de la publiko, pli speciale de la aferista publiko. La institucio de la poŝtaj ĉekkontoj ekzistantaj en kelkaj landoj kaj baldaŭ internaciigota inter ili, la uzo de la poŝtoficejoj por la pagado de la impostoj, la kreo de poŝtaj ŝparkasoj, la starigo de kreditleteroj (6) montras, ke la socia rolo de la poŝto fariĝas ĉiutage pli grava kaj diversa. Ĝi ne nur estas transportanto, sed kvazaŭ bankisto kaj agento uzebla por la plej diversaj negocoperacioj.

Mi ĉi tie skizis nur kelkajn demandojn, kiuj egale interesas ĉiujn homojn aŭ instituciojn havantajn internaciajn rilatojn. Se al ilia studado kaj realigo la homoj dediĉus la kvaronon da tempo, kiun ili uzas por ofte tre vanaj demandoj de pura « principa » politiko, ni certe konstatus ankoraŭ pli senteblajn kaj rapidajn progresojn. Almenaŭ ni, Esperantianoj, kiuj jam vivas internacie pli ol la cetera popolamaso, havas la devon interesiĝi pri tiuj demandoj, kies solvo kavas gravan influon por la plibonigo de tiu internacia vivo, kiun helpis la dekspesdeka letero kaj la kvarspesdeka poŝtkarto, multe pli ol elokventaj paroladoj. H. Hodler.

(4) Tial ESPERANTO, kiu estas presata en Francujo, ne estas abonebla ĉe la poŝtoficejoj.

## AL NIAJ LEGANTOJ

Pro la multeco de la ricevitaj aliĝoj, ni aldonos al la venonta N-o jam la N-on 2-an de la **Interŝanĝa Bulteno**.

Kun ĉi tiu N-o aperas **La Propagandisto**.

(5) Por alpreni la decidojn ĉe la kongresoj aŭ konferencoj, ĉiu lando havas unu voĉon. Kelkaj el ili havas plian voĉon por la kolonioj. Ekz. Francujo havas, krom sia, unu voĉon por Alĝerio, unu por Hindo-Ĥinujo kaj unu por la ceteraj kolonioj kune.

(6) Vidu ESPERANTO de 20 Aŭgusto 1911: *La poŝtaj kreditleteroj en Germanujo* (F. Pillath).

# SOCIA VIVO

GEOGRAFIO

## Skizoj el Irlando (1)

### II.

Oni konas la amon de la Angloj por la sportoj ; la Irlandanoj estas eble ankoraŭ pli sportamantoj. En la vetludoj de la du popoloj la lastaj tre ofte venkas pro sia natura lerteco kaj fortikeco. Tio montriĝas ankaŭ en la militservo, kaj la historio de la nacia milito verigas, ke en multaj bataloj la braveco de la irlandaj soldatoj decidis la venkon. Iru iun sabaton vespere en unu el la *People's parks* kaj vi vidos la kampon, kie la Belfastaj junuloj ekzercadas siajn fortojn kaj ellernas samtempe la submetiĝon eĉ dum la ludado.

La sido de Belfast ne estas tre rimarkinda. Ĉe la fundo de longa golfo ĝi kuŝas inter du vicoj de altaĵoj, kies unu norde altiĝas je la alteco de montaro kun en unu punkto ŝtonega suprajo, nomita *Cave Hill*, kaŭze de la kavaĵoj, kiujn ĝi entenas. De ĝia pinto oni ĝuas belan vidaĵon sur la urbo, la golfo, la kamparo, la maro, kaj, rigardante okcidenten, sur la granda lago *Neagh*. Sed tiu ĉi montetaro estas tute senarba, borita nur per herboj, dornarbetaĵoj kaj marĉejoj. La alia suda bordo de la Belfasta Golfo estas pli malalta kaj prezentas kamparon fruktodonan, bone kulturitan kaj kovritan per vilaoj, farmdomoj kaj vilaĝoj. Ĉe la ekstremaĵo de la golfo, kie malfermiĝas la maro, kuŝas la urbeto Bangor, amata rifuĝejo de la Belfastanoj, kiuj bezonas ripozon dum la somero kaj ŝatas marbanojn. La vilaĝoj sur la marbordo, kiuj ne estas interligitaj per fervojo, komunikadas inter si per veturiloj iom strangaj ; ili estas longaj ĉaroj kun ses aŭ pli da vicoj de benkoj, altiĝantaj unu post la alia, kaj tute malkovritaj. Kiam pluvas, kio ofte okazas en tiu klimato, la veturantoj devas sin ŝirmi sub siaj ombreloj. Tia veturado estas tiel malkara, ke eĉ la malriĉuloj ĝin oftege ĝuas.

Dank'al la ĝentileco de mia irlanda gastiganto mi povis ankaŭ vidi la irlandan kamparon. Fervoja veturado de unu horo, kaj poste unuhora veturado per kaleŝo, kondukis min en la mezon de la graflando Derry sur vastan kamparan bienon, malproksime de ĉiu urbo. De la ŝoseo bela alirejo venigis min al la domo, kiu estis parte farmo, parte vilao, tute nerimarkinda ekstere, sed interne komforta hejmo de riĉa kaj nobela sinjoro.

Tiu ĉi sinjoro estis juristo, kiu pasigis pli ol kvardek jarojn en Japanujo kaj Ĥinujo en la servo de la Brita Regnestro. Reveninte en sia patrolando kiel pensiulo, li estis kavalirigata kaj nun sin okupas pri terkulturado sur la prapatra bieno, kiun li tre plivastigis. Li evidente celas krei modelan farmbienon, ĉar li elspezas multe da mono por provizi la plej bonajn kampkulturilojn kaj konstruigi novajn garbejojn kaj stalojn. Li ensemigis vastajn kampojn, aliajn li drenigis kaj fruktigis ; li plantis arbojn kaj plektobarilojn. Meze de la bieno staras puto, kies akvo estas pumpata de la vento kaj disverŝata en ĉiujn direktojn, provizante ne nur la domon, sed la plej maproksimajn herbejojn. Ĉiuflanke mi vidas arojn da bovinoj kaj ŝafoj, kiuj pasigas sur la paŝtejoj la tutan tagon kaj la tutan nokton, kaj kies bona stato elmontras la zorgon de ilia mastro. Certe ne estas la kulpo de la bienulo, se tiel bone zorgata bieno ne produktas mirindaĵojn ; ĝi povas esti nur la kulpo de la ĉielo, kaj efektive la malseka, sunmanka klimato de Irlando kontraŭbatalas la penadojn de la terkulturisto : tro ofte la burĝonoj falas antaŭtempe, la grenoj putriĝas, la fruktoj ne maturiĝas ; nur la plej fortikaj specoj konstraŭstaras kaj povas esti sukcese kulturataj. Sekve herbejoj kovras la landon, kaj la kamparanoj sin nutras ĉefe per terpomoj. Nur la riĉuloj provizas sian tablon per fruktoj kaj bongustaĵoj, kiuj devenas de landoj pli privilegiitaj.

Dum la tago mia gastiganto lasas min al mi mem, kaj mi promenadas kaj observadas ; sed en la vespero, sidante en komforta salono antaŭ brulanta kamenfajro, kvankam estas julio, li malfermas la riĉaĵon de siaj spertoj, kaj mi multe lernas. Por ilustri siajn rakontojn pri la japana lando, li vidigas al mi verajn trezorojn de japana arto : lakigitajn vazojn, kakimonojn belege ornamitajn, skulptaĵojn el ligno kaj eburo, pentraĵojn, eĉ japanajn vestojn ; kaj ĉiun objekton li klarigas per sia bona kono de la lando. Ĉu la artkolektistoj de Londono kaj Parizo suspektas, ke tie, en izolita angulo de Irlando, loĝas tiel serioza konkuranto, kies trezoroj povus riĉigi la plej famajn muzeojn ? Nu, li estas nur unu ekzemplo, kaj oni opinias, ke inter la *retired gentlemen* de Granda Britujo estas multaj, kiuj el la lando de sia ekzilo kunportis en sian hejmon trezorojn similajn, kiel pruvo de ilia intereso al la homa laborado kaj pensado.

Iun posttagmezon, kiam la suno penege dispelinte la nubojn lumigis la herbejon antaŭ la fenestro de la salono, mia amiko diris al mi : « Ni faru ekskurson por vidi la najbarajon », kaj li tuj ordonis jungi la ĉevalon al la *break*. Post ne longe ni veturadis sur bona vojo inter altaj plektobariloj tra la kamparo. Kiam la vojo altiĝante permesis ĉirkaŭvidon, mia rigardo ampleksis grandegan spacon de ondoforma ebenaĵo, krucigita en ĉiuj direktoj de plektobariloj disigantaj la kampojn, surŝutita per farmdomoj, kies blankaj muroj agrable kontrastas kun la verdeco de la pejzaĝo, kaj ĉirkaŭita en la malproksimeco de ĉeno da montoj. Laŭlonge la vojo ni preterpasis teretaĝajn dometojn kun pajla tegmento, sur la sojlo grupo da infanoj nudpiedaj kaj malpuraj ; apude anasoj kotplaŭdante en marĉeto kaj gruntantaj porkoj. Aliloke estis vico da domoj disfalintaj kaj forlasitaj de la loĝantoj, kiujn malriĉeco devigis elmigri Amerikon. Pli antaŭe ni laŭiris vastan torfejon, kie homoj sin okupadis trančante la torfon kaj ĝin ŝarĝante sur duradaj ĉaroj. Ni ankaŭ trapasis sur ponto kelkajn riveretojn inter salikoj. Alproksimiĝante urbeton, ni vidis longan muron. « Ĝi estas la bieno de mia amiko, la kolonelo P. », diris mia gvidanto. Kiel mi li ripozas post longa servado al la patrujo en eksterlando. Li nun utilas al la malgranda komunumo, kies ano li estas kiel magistrato. Mi havas plurajn kolegojn tie en simila situacio, kaj vizitado inter ni estas nia plej agrabla tempopasigilo ». La longeco de la ĉirkaŭmuro komprenigis al mi la vastecon de la bieno, kaj la multego da arboj, kiuj agitigis siajn suprojn super ĝi, min pripensigis pri la belaj ombroj, kiujn ili havigis al la feliĉaj promenantoj ĉe iliaj piedoj. Sed intertempe pezaj nuboj estis amasiĝintaj sur la ĉielo, kaj pluvego nin devigis rapidi hejmen.

(*Daŭrigota*). P-ro A. Caumont (Lausanne).

(1) Vidu *Esperanto* de 20 decembro.

## La Indiano de Nord-Ameriko

La enlanduloj de Nord-Ameriko estis, en la momento de ĝia eltrovo, disigitaj laŭ pli-malpli movemaj grupoj sur la tuta suprajo de la kontinento. La nomoj de iliaj gentoj kaj grupoj estas tiel multaj, ke eĉ sciencisto facile ilin miksas. Tamen, dank'al la lingvistiko kaj aliaj procedoj, estas eble rekoni plurajn grandajn familiojn, el kiuj ĉiu havas siajn karakterizajn trajtojn kaj sian lokan temperamenton. Tiaj estas la Abenaquis, la Apalaches, la Iroquois, la Algonquins, la Souan, k. t. p.

Oni kredas bone koni la fizikajn karakterojn de la raso, sed malgraŭ tio oftaj estas la eraroj. La haŭto estas nek ruĝa, nek kupra, sed ĉokoladkolora, kun nuancoj multe pli malhelaj en la sudo ol ĉe la loĝantoj de la norda regiono.

Ordinare, la kapo estas bone skulptita, la nazo ne estas unuforme rekta, la haroj, ĝenerale nigraj kaj rigidaj, estas delikataj. Laŭ la plej bonaj kalkuloj, kiujn oni povis fari, la enlanda loĝantaro de Nord-Ameriko, je la fino de la dekkvina jarcento, atingis ĉirkaŭ duonmilionon. De tiu epoko ĝi malgrandiĝis, sed ne tiom kiom oni kredas ; nuntempe ĝi malrapide kreskas.

*La politika reĝimo.* — La politika reĝimo de la Nord-Amerika primitiva Indiano estis la demokratio, en ĝia plej simpla formo. Ĝia bazo estis la patriarka aŭ familia sistemo : la ĉefo de l'klano posedis la superan aŭtoritaton. Li dumvive plenumis sian taskon, kiu je certaj rilatoj estis hereda. Tamen, se iam okazis, ke lia posteulo montriĝas malforta aŭ nedigna, la popolo lin forlasis kaj elektis kiel gvidanton la plej bonan kaj bravan homon de sia grupo. La potenco de la ĉefoj ne estis diktatora, sed granda estis ilia influo en la klano. Se la klano estis grava, la opinio de la ĉefo fariĝis tre efika en la konsilantaroj de la tuta gento. Pluraj klanoj kutime konsistigis bandon ; la gento aŭ nacio konsistis el multaj bandoj, sed ordinare ne estis ĉefo por tuta nacio, nek eĉ por sama bando.

Resume, la indiana ĉefo estis nur perulo elektata de la klano, krom en la okazoj, kiam specialaj personaj kvalitoj aŭ pli malfrue la favoroj aŭ la estimo de la blankuloj donis al li nekutiman aŭtoritatecon. Ĉiuj demandoj interesantaj la prosperecon aŭ la famon de la klano devis esti submetataj al la ekzameno de la tuta popolo kaj la ĉefo devis sekvi ĝian decidon. La blankuloj, kiuj volis rilati senpere kun la ĉefoj, alportis ĉe ni multe da konfuzo. Ili ne bone komprenis aŭ tute simple nesciis la fakton, ke la funkcio de la ĉefo estas pure honora, eĉ teoria, ĉar li nek estras armeon, nek enspezas impostojn. La Amerikanaj historiistoj tiom pli bone eraris, ke ili neniam rimarkis nian demokratian sistemon — veran popolan registaron, reĝimon de persona libereco kaj rajtegaleco por ĉiuj membroj. Je la malnova tempo ekzistis nenia vera konfederacio. La kunligo de la Iroquois okazis post la alveno de la Eŭropanoj. Ili vive sentis la bezonon unuiĝi por komuna defendo. Sed ekzistis nek imposto, nek federala registaro en la preciza senco de tiu vorto. La celo estis nur amika kuniĝo, kies membroj de tempo al tempo kunvenis por diskuti la demandojn de komuna politiko kaj defendo kontraŭ la invadantoj. Pli malfrue, la Apalaches starigis multe pli fortan konfederacion, sed pro manko de la necesa materia apogo, ili iom post iom disiĝis kaj estis ekstermataj. Poste ankoraŭ, la Algonquins de l'oriento, estritaj de la fama Pontiac, provis organizi fortan ligon por sia defendo, sed iliaj klopodoj ankoraŭ pli malsukcesis ol tiuj de siaj sudaj fratoj.

La Dakotas aŭ Sioux estis naturaj amikoj, sed tuj kiam ili batalis kontraŭ la blankuloj, la dissolviĝo sekvis. La bandoj disiĝis unu post la alia, ĝis kiam restis nur grupeto de bravuloj por la lasta rezisto. La kaŭzo de tiuj ripetitaj malsukcesoj estis ĉiam la sama : manko de centra organizo sufiĉe subtenata de la gento. La sola vera registaro estis tiu de la klano, kiu ĉiam restis, sed ĉar la ĉefoj kaj konsilantoj postulis nenian alian rekompencon de sia servado, ol honoron, facile estis zorgi pri tiuj « regantoj ». Okazis grandaj kunvenoj por konkludi traktatojn aŭ plenumi religiajn solenajojn, kaj tiam oni rimarkis moron, kiu iel similis imposton. En tiuj okazoj, oni kutime petis maljunulojn sidi en konsilantaro kaj starigi regularojn de ĝenerala intereso. La regularoj pri la ĉiutaga ĉasado estis tre severaj kaj regula servo de rekogneskoj celis eviti la danĝeron de ĉiu surprizo. La homoj, kiuj tiamaniere servis la komunumon, rajtis interŝanĝe ricevi la nutradon. Ĉiutage oni disdonis ruĝajn bastonetojn : ĉiu homo, kiu ricevis unu, devis, en donita tempolimo, porti certan kvanton de kuiritaj legomoj al la kajuto de la konsilantaro.

De la infaneco la Indiano lernis konsideri la publikajn servojn kiel grandan honoron ; sekve oni ne bezonis lin petegi por akceptigi de li la plej danĝeran aŭ malfacilan taskon. Por tiuj gravaj laboroj oni elektis virojn kun fortika korpo kaj pura vivo. Antaŭ ĉio oni deziris religian homon, kiu ŝatas la Nevideblan Bonecon kaj en sia konduto celas nur plenumi la volon de la « Granda Mistero ». La konsilantaro agis kiel tribunalo por juĝi pri la maloftaj mortigoj aŭ la aliaj krimoj. La kulpulo povis esti ekzilita aŭ liverita al la familio de la viktimo por revenĝo.

Por pli malgravaj krimoj oni havis aliajn diversajn punojn aŭ la militkamaradoj de la kulpulo detruis lian domon aŭ liajn armilojn. Sed eĉ tiuokaze la afero povis esti decidita nur de la konsilantaro.

D-ro Ch. A. Eastmann (Ohijesa).

*Trad.* (1), A. R. (Amherst, Usono).

## La geedziĝaj moroj ĉe la Siberiaj Burjatoj

En nia Trans-Bajkala regiono (*Zabajkala Oblast*) estas loĝantaj kozakoj (ĉirkaŭ 180 miloj), kamparanoj vilaĝanoj (ĉirkaŭ 150 miloj) kaj nomadaj indiĝenoj (ĉirkaŭ 170 miloj). El tiuj nomadoj la plej multombra parto estas « burjatoj », proksimume 135 miloj. Ankaŭ en Irkutska regiono estas multe da burjatoj, proksimume 135 miloj. La Burjatoj estas parencoj kun la Finoj kaj kirgizoj kaj estas branĉo de mongola raso. Plejparte ili estas brutedukistoj, nomadoj, idolistoj, kaj nur kelkaj el ili estas alligataj al iu loko, kaj, kiel ekz. en Irkutska regiono, terkulturas ; kelkaj kristaniĝis. La burjatoj de Irkutska regiono estas idolistoj fetiĉistoj, tiuj de Trans-Bajkala regiono estas idolistoj budhistoj (« lamaitoj » — t. e. budhismo malpurigita, ŝanĝita per « lamaoj » — oferistoj).

Ili havas multajn strangajn kutimojn kaj morojn. Sed tie-ĉi mi diros nur kelke da vortoj pri iliaj geedziĝaj moroj.

La virinoj ĉe nomadoj estas sklavinoj, sed ne amikinoj, precipe ĉe la burjatoj. Tie la virino ĉion faras, ŝi ne nur mastrumas, sed hakas lignaĵojn, selas al edzo la ĉevalon, se li rajdas (ili estas bonegaj rajdantoj, kaj ili eĉ dormas rajde) ; ŝi apudiras piede ; li do nur fumas el tabaktubeto, tetrinkas aŭ brandodrinkas. Ili aĉetas edzinojn ; por akiri ili pagas per mono aŭ per brutaro al ŝiaj gepatroj. Tia pago estas nomita *Kolim*. Kaj tiu-ĉi *Kolim* estas tre malfacila kaj malriĉiganta por la edzoj. Ĉe la burjatoj en Irkutska regiono *Kolim* estas nekredeble granda ; okazas tre malofte ke la edzo pagas kiel *Kolim* 200-300 Sm. kun aldono de kelkaj brutoj (ŝafoj, ĉevaloj, bovoj), sed plej ofte *Kolim* egalas ĝis 500, 700 kaj eĉ 1.000 Sm. Se deziros edziĝi la malriĉa burjato, li dungiĝas kiel servisto por laborgajni la bezonatan monsumon, aŭ li prunteprenas pro grandaj procentoj monon por pagi la *Kolim'on*.

Tre ofte okazas la revendo de filino ; mezriĉaj burjatoj revendas sian filinon dufoje, trifoje. Tio fariĝas jenamaniere : edzinigante sian filinon unuan fojon, la patro burjato prenas de la edzo *Kolim'on* je la sumo da 400-500 Sm. kaj 20-30 brutoj (bovoj, ĉevaloj). Pasas unu jaro ; la patro inspiras la edziniĝintan filinon sekrete forlasi la edzon ; iafoje la « bona » filino forlasas la edzon kaj kuras al la « bona » patro ; tiam la patro rapide edzinigas ŝin je alia edzo, antaŭe preninte de li grandan *Kolim'on* ; post jaro aŭ pli la filino forlasas la duan edzon, kuras al patro kaj tiu lasta vendas ŝin pro bonega *Kolim* al tria edzo.

La unuaj du edzoj per juĝo postulas de l' « bona » patro pagi al ili la elspezojn, redoni *Kolim'on*, sed kiu scias pri la kancelariaj malhelpajoj, malfacilaĵoj burokratiaj ĉe la burjatoj, tiu mem divenos, ke ne ĉiu burjato estos postulanta

(1) El la raportaro ĉe la 1-a. Universala Raskongreso. La verkinto de tiu raporto mem estas Indiano.

per la juĝo la redonon de elspezoj : serĉante la veron, la burjato mem nur multe elspezos, kaj ne ĉiam li trovos ĝin.

Mia vilaĝo estas ĉirkaŭita de burjataj « ulusoj » (« uluso » estas « jurtaro » ; « jurto » estas kabano el felto aŭ arbŝelo ; do niaj burjatoj nun loĝas en rusaj dometoj el ligno). Burjatoj kiel nomadoj somere loĝas en unu uluso, vintre en la alia.

Nune ili ne havas tiel multe da vastaj valoj por migro, kaj vole-nevole grade ili kutimas alligiĝi al iu sidloko, ĉar la rusaj kamparanoj ne lasas al ili siajn kampojn kaj valojn. La rusa registaro ankaŭ normigas kaj niveligas la vivon de la Burjatoj, por ke ili ne ĝenu la rusajn kozakojn kaj vilaĝanojn.

Pastro In. Seriŝev. (Subdel. Krasnij Jar.).

INDUSTRIO

## Nova grava Sud-Amerika fervojo

La oriento de Brazilujo, de la Ekvatoro ĝis la ekstrema sudlimo, baldaŭ fervoje interrilatos kun la ĉila haveno Valparaiso. Efektive, la Brazila registaro estas konstruanta relvojon de Pirapora, en la ŝtato Minas Geraes, ĝis Belem, ĉefurbo de la ŝtato Para, sidanta proksime al la enmariĝo de la Tocantinas. kiu tra ŝipirebla delto, estas kunigata kun la riverego Amazonas. Pirapora estas la ekstrema stacio de la Brazila Centra Fervojo, jam en rilato kun Montevideo, ĉefurbo de Urugvajo, per aliaj linioj. Ĉi tiu urbo sidas apud enmariĝo de la Plata, sur kies kontraŭa bordo komenciĝas la fervojo de Buenos-Ayres al la ĉila marhaveno Valparaiso. Certe la distanco estas multe pli longa ol tiu tra Peruo, sed ĝi estas pli homplena kaj tial preferinda por fervojaro. Do, oni povos baldaŭ vojaĝi de la Amazonas ĝis Pacifiko, ne plu bezonante ŝipiri sur Atlantiko.

Por prezenti al si la dimension de la tuta linio, oni konsideru, ke la rekta linio de Belem-Pirapora estas longa 1850 km. de Pirapora-Montevideo 1980 km., kaj de Buenos-Ayres-Valparaiso 1.300 km., entute 5.130 km, proksimume. Gi do estos multe pli longa ol la linio de New-York-San-Francisko, sed la plimulto de relvojaj kilometroj rezultos el la neeviteblaj kurboj.

Ĝis la efektiviĝo de la tuta linio pasos jaroj, ĉar estas kalkulite, ke la konstruota parto de Pirapora-Belem postulos kvinjaran laboron, se oni povas ĉiujare fari 500 km. almenaŭ. Tiu laborego postulos kolosan kapitalon, kaj altpreza tarifo estos la konsekvenco. Oni jam diras, ke la fervoja veturo de Pirapora-Belem kostos 140 Sm., dum oni nuntempe pagas nur 35 Sm. de Rio-de-Janeiro al Pirapora.

Kiel mi jam diris, la lasta parto de la linio komenciĝos ĉe Pirapora. De tie ĝi iros ĝis la samnoma rapidfluo de la rivero Sao-Francisko, transpasinte ĝin, supreniros sur la akvodisiĝejon inter la Paracatû, kiun ĝi transpasos apud ĝia rapidfluo. Trairinte la rivervalon ĝis la Rio Preto, ĝi serpentumos laŭlonge de ĉi tiu por atingi la centran altebenaĵon, tuŝos la urbon Formosa, sidantan sur la ekstremo de la teritorio difinita al la estonta ĉefurbo de la Federacio, kaj daŭrigos al la fontaltaĵoj de la Parana pasonte la urbon Palmas Etendiĝonte en la valo de Parana, ĝi alvenos al la Tocantino kaj sekvos laŭlonge de ĝia dekstra bordo ĝis la urbo Imperatriz, pasonte la urbojn Porto-Nacional, Carlina kaj Boa Vista. De Imperatriz ĝi flankeniros al la fontaltaĵoj de la Capim, kies valon kaj poste tiun de Guama ĝi trairos kaj alvenos tiamaniere en Belem.

Komence la kapitalo aplikita por la konstruo apenaŭ donos gajnon, ĉar por transiraj ŝarĝaĵoj oni daŭros uzi la ekzistantan, malpli altprezan ŝipiradon ; krom tio la ĉirkaŭaĵo estas plejparte senhoma. Sed la tuta lando tuj profitos el la linio, kiu kompletigas la relvojan reton por pli rapida plenumo de administraj, kaj startegiaj aferoj. Fervojan vojaĝon de la Amazonas Valparaison, kiu iam estis preskaŭ neefektivigebla kaj estus daŭrinta jarojn, oni estonte povos facile fari en kelkaj semajnoj. Post malfermo de la vasta kaj kulturebla teritorio al la homa aktiveco, la entreprenota konstruo ankaŭ fariĝos profitiga. Ĉiuokaze ĝi estos grava elemento de progreso por Sud-Ameriko.

F. E. Thiebrack,
(*Del. Sao-Leopoldo*).

IDEOJ & FAKTOJ

## Reformo de la nutrado

La tago-post-taga pligrandiĝo de la nutraĵprezoj, kiuj precipe en la malpli multe progresintaj landoj ĉiam pli malfaciligas la vivadon de la plej larĝa parto de la loĝantaro, kaj la plej modernaj rezultatoj de la esploroj de la nutraĵa higieno, kiuj, dank'al la popularigo de la sciencoj ne restas plu sekreto de la sciencista kasto, paralele metas antaŭ la publika atento la grandan demandon pri la nutraja reformo. Kion la Vegetarista movado en sia rondo jam de longe deklaris, tion eksonigas voĉoj ekster ĝi ankaŭ : ke la ekonomian principon oni devas enkonduki ankaŭ en la nutradon, por tie ankaŭ « akiri plej bonan rezultaton per plej malmulte da elspezo ». La eksperimentoj de la dana kuracisto *Hindhede*, brile montras, ke tiu problemo estas bone solvebla, eĉ ke nin nutrante plej ŝpare — t. e. manĝante malmultekostajn manĝaĵojn kaj nur tiom, kiom estas nepre necesa — la higienan postulaton ni pli bone plenumas, ol per la kutima malŝpara maniero. Kvankam tute ne sur vegetara fundamento, sed nur ekonomia, *Hindhede* alvenis al la principo de la Vegetaristoj — nur, ĉar la viando por multe da mono donas al ni malmulte da nutrovaloro. Nur flanke li rimarkas kelkajn higienajn malpreferajojn, kiuj troviĝas precipe ĉe malpli multekostaj viandoj.

La laboradon kaj praktikajn rezultatojn de *Hindhede* ebligis la pli novaj esploroj de la scienco, kiuj konstatis, ke proksimume triono de la albumeno estas nepre necesa por la homo, kiel parto de lia po-taga manĝajo. Ĉar la scienco opiniis la viandon necesa, nur por ke ni povu ricevi la grandan kvanton de la nitrogenenhava nutraĵo, t. e. 118 gramojn, kio faras la kvinonon de la po-taga nutrovaloro : (tio estas neebla sen viando, aŭ malfacila). Post la rezultatoj de pli precizaj esploroj ĝi fariĝas tute nenecesa, ĉar 60 gramoj da albumeno, do unu dekono de la ĉiutaga nutraĵo, estas pli ol necesa, kaj tiu kvanto sufiĉege estas liverata de la plej malmultekostaj manĝaĵoj vegetaĵaj. Se ni rigardas la necesan kvanton de la anorganikaj saloj, la pli malmultekostaj manĝaĵoj estas el tiu vidpunkto eĉ pli bonaj, ol la viando kaj la pli rafinitaj manĝaĵoj, kaŭzoj de multaj malsanoj.

*Hindhede* staras sur la fundamento de jenaj postulatoj : ĉiutage ni konsumu 2 500 kaloriovaloran manĝaĵon kaj maksimume 60 gramoj el tio estu nitrogenenhavaj — plu manĝi estas malekonomia kaj eĉ malsaniga. Se ni klopodas ĉi tion plej malkare kunmeti, la pluaj postulatoj aŭtomate plenumiĝas Li konsilas precipe tri specojn de manĝaĵoj : grenojn, en formo de kaĉaĵoj kaj pano, terpomon, kaj buteron, ĉu naturan ĉu artefaritan, laŭ volo kaj gusto. Fruktojn, legomojn, sukerojn, spicojn k. c. li aldonas por gustigo kaj variigo, kio ja estas ankaŭ necesa.

Li donas en sia libro, krom la teorio ankaŭ praktikajn instruon, kaj receptojn kaj alvenas al la grava rezultato, ke, laŭ la prezoj en Danujo, el la potaga sumo de 0,15 — 0,18 Sm. oni sen ia manko povas vivi kaj labori, kaj se oni oferas 0,25 — 0,35 Sm. po persono kaj tago, ĉiutage abunde ni povas al ni liveri forton kaj sanon en formo de bongustaj nutraĵoj, se nur ni akceptas kaj sekvas lian sistemon. Lasu ni paroli lin mem en la antaŭparolo :

« 1. Mi volas instrui al la homo. kiu havas 5.000 Sm. da jara enspezo, ke li povas multe pli sane vivi ol li nun faras.

« 2. Mi volas instrui al la homo, kiu havas 1500. Sm. da jara enspezo, ke li povas multe pli malmultekoste vivi ol li nun faras. Estas tute nenecese elspezi po tago 1/2 ĝis 1 Sm. por nutrado : oni povas tute same bone, eĉ pli bone vivi por 0,25 ĝis 0,35 Sm.

« 3. Mi volas instrui al la homo, kiu havas nur 400-600 Sm. da jara enspezo, ke li ne devas malsati, se eĉ li nur 0,15 — 0,18 Sm. povas elspezi por manĝo po tage. »

Dekkvin-jara praktika eksperimento pruvis la ĝustecon de lia sistemo, t. e. li vivis laŭ tio dum tiu tempo. Liaj registaro kaj samregnanoj komprenis la profitojn de tio kaj helpas lin. Ni ne bezonas insisti pri la profito de tiu sistemo por la ĝenerala kulturo : la jara enspezo de miloj da familioj altiĝus je duono aŭ triono, kaj la ŝparata parto de la enspezo estas uzebla por pli altaj bezonoj : pli bona loĝado, pli bona eduko de la infanoj, pli da kulturbezonoj kontentigeblaj. Se ni aldonas la profiton en sano, en pli granda laborkapablo, en progresanta inklino al pli altaj vivceloj — kion *Hindhede* tre serioze asertas en sia libro — ĉiu homo devas konsideri, ĉu li ne fariĝu Hindhedeano (1).

R. Rajczi (Del. Debreczen).

## La muŝoj, transportantoj de infektaj malsanoj

La scio, ke multaj infektaj malsanoj ĉe homoj kaj bestoj povas transportiĝi per kuloj estas certa sperto de la moderna patologio. Tiu ĉi maniero de l'infektado estis multe studata kaj nun estas pruvite, ke per kuloj kaj aliaj parencaj insektoj, pikintaj la malsanulojn, disvastiĝas la infektoj, nome malvarma febro, flava febro, afrikana dormemo kaj aliaj tropikaj malsanoj. Tiel same estas esplorite, ke puloj precipe la rata pulo (pulex cheopsis) kunagas je la disvastigo de la pesto.

Oni ankaŭ konstatis, ke nia ordinara ĉambra muŝo povas transporti multajn malsanojn. Tiuj spertoj estas precize traktataj en multaj anglaj kaj francaj raportoj, kaj en tiu ĉi artikoleto concize resumitaj :

Nuttal kaj Jepson diskutis la demandon pri la rolo de la ĉambra kaj aliaj nepikantaj muŝoj je la disvastigo de diversaj infektaj malsanoj. Oni ankaŭ supozis, ke la ĥolero transportiĝus per la muŝoj, kaj epidemiologiaj observoj kaj eksperimentoj tion atestas. Tiel Uffelmann metis la muŝon, kiu troviĝis sur kulturo de ĥoleraj infektiloj en glason enhavantan steriligitan lakton. Kiam la muŝo ĉesis trinki, li skuadis la lakton por ke la mikroboj egalmezure disiĝu ; el tiu ĉi lakto ekkreskis cent kolonioj de ĥoleraj vibrionoj.

Poste Ganon pruvis ke la muŝoj ŝarĝitaj per ĥoleraj vibrionojn povas ankoraŭ post 24 horoj transporti la infektilojn. Similaj eksperimentoj estis farataj kun aliaj malsanoj precipe kun la tifo. Ankaŭ ĉe transportado de la tuberklozo estas kulpaj la muŝoj. Por plua determino de la rolo de la muŝoj en supredirítaj cirkonstancoj oni studis iom de muŝa biologio. Coppmann, Howlet kaj Meriman esploradis unuavice ĝis kie ĉambra muŝo povas flugi. Oni ŝmiris grandan nombron de muŝoj per kolora kreto kaj lasis ilin forflugi ; post 24 horoj oni trovis kelkajn en distanco de 300 ĝis 1.700 metroj, laŭ la ventoforto. Plie oni trovis unu muŝon en 10 minutoj ; alian en 35 minutoj post elflugo je distanco de 800 metroj.

Oni esploradis ankaŭ ĉu la muŝoj povas disporti la ovojn de la parazitoj kaj oni pruvis ke la ovoj de la tenioj povas eniĝi en intestoj de la muŝoj kaj aperi en ĝiaj ekskrementoj. Larvoj de la muŝoj povas enigi la ovojn de askaridoj, kiuj en la korpo de muŝoj mem evoluas.

W. Nicoll kaj E. Hart esploris ke la ovoj de la tenio povas dum tri tagoj persisti en intestoj de la muŝo taŭgaj por vivo.

Fine G. Smith en lasta tempo esploris kiamaniere arte infektitaj muŝoj povas transporti la infektilojn kaj li ankaŭ trovis ke tiuj insektoj povas infekti lakton aŭ siropon dum ili ĝin manĝas. Tiel unu muŝo kaŭzis dum tri tagoj amasan infekton de bacilo «prodigiosa» aŭ buc. antraksa, ankaŭ post dek tagoj kvankam pli malgrandan.

El tio rezultas ke ni penu ne nur la kulojn sed ankaŭ la muŝojn nepre ekstermi.

*Trad. (1)* : D-ro A. G. (Lisko).

(1) La libro krom la dana originalo aperis ankaŭ germane sub la titolo : *Mein Ernaehrungs-System* (W. Vobach kaj C°, Berlin). Ĉu ne estus dezirinde, ke baldaŭ aperu ĝi ankaŭ en Esperanto ?

## NOTOJ

.˙. La firmo Krupp partoprenos en la Universala Ekspozicio de San-Francisko. Interalie oni intencas starigi ĉe la « Ora Pordego » marbordan defendaĵon. Okaze de la malfermo de la Panama kanalo la sama firmo aranĝos apartan ekspozicion de pormilita materialo. Specialan allogaĵon prezentos perspektiva turo, kiu superos la altecon de la Eifelturo. Statuo de la libereco kronos ĝin. La Essen'aj laborejoj liveros parton de la materialo. Same la akcia societo Zeppelin forsendos al la ekspozicio du aeroŝipojn, kiuj de la ekspozicio entreprenos grandajn komunajn vojaĝojn. F. P. (Essen).

.˙. Kunsido de la Internacia komisiono de la petroloj malfermiĝis en Vieno. Partoprenas en ĝi la delegitoj de la plimultaj Eŭropaj kaj Amerikaj ŝtatoj.

.˙. La Internacia konferenco de la fervojoj destinata por starigi fiksajn kaj samajn regulojn por la pasado de la vagonaroj ĉe la landlimo, precipe pri tio kio koncernas la pakaĵojn, dogankontroladon, k. t. p., ne povos okazi printempe, kiel oni esperis. La juraj studoj necesaj por la pritrakto de tiu demando postulas multe da tempo. Interalie oni intencas anstataŭigi la duoblajn stacidomojn internaciajn per unikaj landlimaj stacidomoj, kiuj prezentos grandan profiton por la vojaĝantoj kaj la komercaĵoj. La svisa registaro preparas la programon de tiu konferenco. J. G.

.˙. Laŭ la lasta denombrado la loĝantaro de Italujo atingas 34.686.653. (En dek jaroj ĝi kreskis je 2.211.400). La plej loĝataj urboj estas : Napolo (709.376) ; Milano (602.236) ; Roma 516.790) ; Torino (418. 666).

## OKAZONTAĴOJ

*Aprilo.* — Sepa internacia kongreso por Tuberklozo en *Romo.*

*Majo* (7-17). — Naŭa internacia konferenco de la ruĝa kruco en *Washington.*

*Majo.* — (26-28). — Internacia konkurso de muziko en *Parizo.*

*Junio* (28-1 jul.). — Sesa federala festo de la Sokoloj (gimnastikistoj, en *Praha.*

*Julio* (22-1 aŭg.). — Internacia kurso de komerca disvastiĝo en *Antverpeno.*

*Aŭgusto.* — Internacia kongreso de antropologio en *Ĝenevo.*

*Aŭgusto.* (6-12). — Internacia kongreso de medicino en *Londono.*

*Aŭgusto* (22-27). — Internacia kongreso por Morala Edukado en *Hago.*

*Septembro.* — Sepa ĝenerala kunveno de la internacia unuiĝo por leĝa laboristprotektado en *Zurich.*

***

*Aprilo-Septembro.* — Bavara Ekspozicio en *München.*

***

Por pluaj informoj, la Esperantianoj sin turnu al la Delegitoj de U. E. A. Ĉiuj delegitoj bonvolu nin informi pri la kongresoj, festoj, manifestadoj okazontaj en ilia regiono.

(1) El « Das Oesterreichische Sanitatswesen ».

# ESPERANTISMO

### AL NIA LEGANTARO

Ni rememorigas al niaj legantoj, ke ni deziras la kunlaboradon de kiel eble plej multaj samideanoj por la redakto de la rubriko « Esperantismo ». Ne necese estas skribi leterojn : plej ofte sufiĉas poŝtkarto. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri nia movado, sed komprenéble ni devos kelkfoje resumi, ĉar mankas al ni loko. Ni rekomendas al helpontoj la precizecon ; ili bonvolu indiki la daton de ĉiu fakto (parolado, kurso, k. t. p.), la devenon de ĉiu informo. Por artikoloj en naciaj jurnaloj oni sendu al ni, se ne la jurnalon mem, almenaŭ ĝian titolon kaj daton, la nomon de la urbo, kie ĝi aperas, kaj resuman enhavon de l'artikolo. Plue, kiam komitato organizas nacian aŭ provincan kongreson aŭ eĉ feston iom gravan, estas konsilinde konigi al nia redakcio kiel eble plej frue la daton kaj programon de tiu okazontaĵo. Tiela reklamo ne estas vana por la sukceso. Senutile diri, ke ni poste danke ricevos iom detalan raporton pri tiaj manifestadoj de nia vivado. Ĉiuj korespondaĵoj devas alveni antaŭ la 12a kaj 27a de ĉiu monato al la adreso : « Esperantio », rue de la Bourse, 10, Genève, Svislando.

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj Societoj.** — En *Winterswyk* (Nederlando) fondiĝis nova grupo. — G. G. S.

En *Gœttingen* (German.), la esp. Unuiĝo « Espero » kun 9 membroj. — H. S.

En *Portland*, Maine, Usono, Portlanda Esperanta Societo, D-ro Dana W. Fellows, Prez. Herbert Harris, Sek., enhavas 61 membrojn kaj estas la plej prospera societo en ŝtato Maine. Ĝi kondukas kvar kursojn kaj presigas oftajn propagandajn artikolojn en ĉiutagaj jurnaloj. Nun ĝi komencas varbi por U. E. A.

**Novaj kursoj.** — En *Funŝal* (Insulo Madejro), de S-ro Proenca kiu publikigis bonajn artikolojn en loka gazeto. — D'A.

En *Gœttingen* (German.) post la parolado de S-ro Reinking. — H. S.

En *Winterthur* (Svisl.) gvidata de D-ro Strassen, 30 gelernantoj. — S.

En *Edimburg* (Skotl.), S-ro Pringle, kun 30 lernantoj.

En *Bochnia* (Galicio, Aŭstrio) finiĝis du kursoj : ĉe la pola societo por memlernado « Lycie » (La Vivo), kun 8 partopr., kaj en la gimnazio, kun 16 partopr. Nova malfermiĝos en februaro.

En *Wisznicz nowy* (Galicio) D-ro I. Fragner finis siajn lecionojn kun 18 lernantoj.

En *S-ta Coloma de Farnès* (Hispan.) du kursoj, kun pli ol 50 gelernantoj. — V. L.

En *Striegau* (Silezio, German.) post du paroladoj, S-ro E. Schulz (Schweidnitz) malfermis kurson kun 27 partoprenantoj, en komercista unuiĝo « Hansa ». — E. S.

En *Pardubice* finiĝis per festeto la 21 dec. trimonata kurso de D-ro S. Schulhof; notinde estas, ke el 48 komencintoj, 45 restis ĝis la fino fidelaj. — S.

En *Lisbono* (Portugal.). ĉe la Kristana Unuiĝo de junaj Viroj. — B.

**Kunvenoj kaj festoj.** — En *Peterburgo*, la 9de dec. unuafoje kunvenis la esp. societo en la salono de la societo « Laboro kaj kulturo » ; prezidis S-ro Evstifeieff. Oni diskutis la regularon kaj kotizajon. La kunvenoj okazos ĉiumarde. — E. R. P.

*Foëcy* (Cher, Franc.). — Lastan tagon de l'jaro, granda esperantista-kristnaska festo, donita de Sinjorino la Grafino de Prez en ŝia kastelo de Foëcy, kunigis pli ol 150 geinfanojn, kaj iliajn gepatrojn. La arbo, knn pinto ornamita de la verda standardo estis ĉirkaŭita de ĉiuj esperantistoj de Foëcy, kiuj, rondirante, tutkore kantis « La Espero ».

Dum la festo, sinjorino Marie Gen faris al la geinfanoj interesan paroladon por ilin inviti al la lernado de Esperanto ; la junuletoj tre ĝojis pri la invito, kaj multaj volis tuj aliĝi. Disdono de donacoj kaj infana balo finis tiun feston. La lokaj jurnaloj longe raportis pri tiu neordinara festo.

*Bromberg*. — La 16 dec., la grupo renovigis sian komitaton. Prezidanto estas S-ro D-ro Kandt. Oni decidis aliĝi al U.E. A. kiel entrepreno. Tri kursoj estas organizitaj : ĉe la Bontemplanoj ; unu ĝenerala kurso ; alia por sinjorinoj. — S.

En *Antverpeno*, nova estraro elektita la 1-an. de januaro : Prezidanto : Prof. A. Vermandel ; Sekr. S-ro Ing. A. Van Meerbeek, Sterlingerstraat, 142, Borgerhout. — V.

**Zamenhofa Datreveno.** — Multaj grupoj rememorigis per festetoj la datrevenon de nia majstro. Jen kelkaj ricevitaj raportoj :

En *Rio-de-Janeiro* pli ol 150 personoj ĉeestis la solenan kunvenon en la grava « Brazila Geografia Societo ». Deputato S-ro Correia Depreitas, D-ro V. Silva, kolonelo Moreira Guimaraes, D-ro Backheuser, D-ro Hernani Mendez kaj aliaj paroladis. Poste, oni vidis la filmojn de la Sepa kaj finis la feston per gaja festeno. — I. O.

En *Hago* (Nederlando) 16 dec., granda neesperantista ĉeestantaro ; kantoj, kaj propaganda komedieto verkita de F-ino N. Boon kaj tre aplaŭdata. — H. C.

En *Voronej* (Rus.), 15 dec. la esp. sekcio de la Societo de popolaj Universitatoj ; oni sendis al D-ro Zamenhof gratulan leteron. Multaj paroladoj post la festeno, pri Esperanto kaj Esperantismo. — G. V.

En *Lisbono* (Portugal.). 15 dec. ; elokventaj paroladoj de S-roj Santos Gil kaj R. Horner. Poste, esper. kantoj kaj lumbildoj pri la Sepa. Bona sukceso. — D'A.

En *Brisbane* (Aŭstralio) ; La festo estis samtempe la unua esperantia kunveno de la membroj en tiu urbo (15 dec.). — P. P.

**Paroladoj.** — En *Gœttingen*, 4 febr. parolado de S-ro juĝisto Reinking. — H. S.

En *Edinburgh* (Skotl.), propaganda parolado kun lumbildoj ; 200 personoj. — P.

Pri U. E. A. sukcesplene paroladis S-ro Blaise : la 1 de Dec. ĉe la *Londona* Klubo, la 7. ĉe la Cercle Français de Soho, kaj la 13. ĉe la *Battersea* grupo, la 22. ĉe la *Liverpool* Esperanto klubo ; ĉie li montris la utilecon de nia Asocio. — B.

**Paroladvojaĝo Privat.** — Dum januaro S-ro Privat paroladis en *Praha* antaŭ 30 Esperantistoj, en *Dresden* antaŭ 300, en *Breslau* antaŭ 80 esperantistoj, kaj poste france antaŭ 100. Tie tuj kolektiĝis 26 novaj aliĝoj. La gazetoj en *Lodz* (Polujo) anoncis lian viziton kaj paroladon. — B.

**Paroladvojaĝo Parrish.** — Parolado en *Beaune* (Franc.) ĉe la Kinoteatro, la 11 de januaro, sub la patronado de la komerca Ĉambro. Ĉeestis ĉirkaŭe 400 personoj. Tramveturante Svisujon, S-ro Parrish parolis la 16 januaro en *Neuchatel* dufoje antaŭ 300 personoj, la 17 en *La Chaux-de-Fonds* kvarfoje antaŭ 1.350 personoj, en *Le Locle* 18 januaro antaŭ 1.200. — G.

**Esperantiaj Distriktaj kunvenoj.** — *Londono* — La distrikta kunveno okazis la 5. januaro, sub la prezido de S-ro Blaise. La distrikta Del. klarigas la kialon de la kunveno kaj deziras, ke dum la jaro estu organizata granda propagando per paroladoj ĉe la Esperantistaj kaj neesperantistaj societoj, per gazetartikoloj kaj vizito al komercistoj. Estas

do akceptite, ke S-ro Blaise faros paroladojn ĉe la diversaj kluboj de Londono kaj de la ĉirkaŭaĵo ; same S-ro Kaliski. S-ro Kaliski parolas pri la fondo de Esperanto-Oficejo kun pagata oficisto en la Civito, sed pro manko de mono, kvankam ĉiuj konsentas pri la utileco de tia Oficejo, oni decidas forlasi tiun projekton ĝis pli malfrue. Oni principe akceptis, ke la diversaj Subdel, sendu ĉiutrimonate raporton al la distrikta Del. pri sia agado.

**Regionaj Esperantiaj kunvenoj.** — *Saint-Etienne.* — La Esperantia kunveno okazis la 20. decembro. S-ro Gabert prezentis sian raporton kaj konigis la diversajn progresojn de U. E. A. plenumitajn dum la jaro. Li konkludis, esprimante la deziron, ke ĉiuj Esperantianoj klopodu helpi la disvastiĝon de nia Asocio. La raporto estis unuanime akceptata.

*Krefeld.* — Ĉe la kunveno okazinta la 4. januaro, S-ro Borgermann raportis pri la agado U. E. A., la decidoj de la Kongreso kaj la kreo de fakaj asocioj. La kunveno akceptis lian raporton kaj voĉdonis la decidon, kiun oni trovos en la rubriko « Organiza demando ».

*Braunschweig.* — La Esperantia kunveno aprobis la raporton de F-ino Jahns, Delegitino, kiu speciale raportis pri la fondo de la fak-asocioj. S-roj Reinking kaj Kraft rakontis pri siaj spertoj faritaj en la lasta jaro per la helpo de U. E. A., montrante la malkarecon de la kotizoj kompare kun la ebla profito kaj la senpaga ricevo de la valora jarlibro.

## KRAKOVAJ KONGRESOJ

Dua Cirkulero de la Loka Komitato :

La laboroj de la Organiza Komitato rapide marŝas antaŭen.

Multego de ĉiutage ricevataj korespondaĵoj kun informpetoj, konsiloj kaj proponoj montras, ke la Oka vekis viglan intereson inter la ĉiulandaj gesamideanoj.

*Aliĝoj.* — La Komitato eldonis aliĝilojn, kiuj estas senditaj a ĉiuj ĝisnunaj provizoraj aliĝintoj. — La Kongresa karto kostas Sm. 6[1] Post ricevo de aliĝo, akompanata da mono tuj estos sendita provizora kongreskarto kun definitiva numero. La unuaj kelkcent aliĝintoj ricevas kune kun la provizora kongreskarto, kiel premion, la belegan esperantistan himnon (kun notoj) « La Tagiĝo » verkitan de S-ro A. Grabowski kaj malavare donacitan de S-ro. J. Günter redaktoro de « Pola Esperantisto ». Familianoj (edzinoj kaj infanoj) kune venantaj kaj kun la familiestrio pagas nur Sm. 3 kaj ricevas suplementajn kartojn, sed la kongresajn dokumentojn ricevas sole la familiestro. Same geblinduloj pagas duonan prezon, sed ili plenrajte ĝuos ĉiujn privilegiojn de la Kongreso. La kongresa karto N-o 1, havas specialan karakteron, ĉar ĝi estos aukcie vendita. Ĝin ricevos tiu kongresano, kiu ĝis la unua de majo oferos por ĝi la plej altan sumon. Oni sendu proponojn.

Adreso. — La sola adreso de la Organiza Komitato estas : Kongreso Esperantista en Krakovo, Austrio-Galicio.

Loĝado. — La loĝigan sekcion efike helpas la urbestraro, kiu metis je dispono de la Komitato riĉan materialon koncernantan ĉi tiun fakon. La preparaj laboroj de la aludita sekcio baldaŭ estos finitaj kaj ili povos en plej proksima estonto publikigi tarifon kun prezoj de loĝado kaj manĝado. Ĉar ni ricevis de diverslandaj studentoj avizojn, ke la studentaro intencas grandare partopreni en la Oka kongreso ni zorgas por havigi al ili kiel eble plej malkaran loĝejon. Ni do sukcesis trovi por la studentoj agrablan hejmon, en kiu la loĝado dum ses tagoj kostos nur Sm. 1,25.

Oficiala helpo. — La organiza Komitato sendis konformajn petskribojn al ministerio por publikaj laboroj kaj ministerio por Galicio. La galicia ministro dum speciala aŭdienco firme promesis al la Komitato subtenadi ĝiajn klopodojn ĉe la aluditaj estraroj. Same estas sendita al la provinca parlamento petskribo pri monhelpo, kiun subtenos la krakova urbestro, Dro Leo, estanta samtempe provinca deputato.

Gvidlibroj. — Estas presataj gvidlibroj tra Zakopane kaj Tatroj, kie okazos postkongresa ekskurso kaj speciala gvidlibro tra krakovaj preĝejoj, famaj pro siaj multenombraj artaĵoj. Laŭ sia eksteraĵo la cititaj gvidlibroj similos la gvidlibron tra Krakovo.

Akceptejo. — Por aranĝo de akceptejo kun apartenaĵoj (skriboĉambro, legejo, poŝtoficejo, vestejo, lavejoj, k. t. p.), de ekspozicio kaj vendejo la Komitato ricevis la vastan kaj belegan konstruaĵon de Komerca Akademio, kiun la direktoro Sro Kannenberg, granda amiko de nia movado bonvolis doni je dispono de la Kongreso.

Teatro. — Estos ludita « Mazepa » kortuŝanta tragedio de Juliusz Slowacki. La libron eldonis la firmo Hachette kaj Co, en Parizo, de kiu ĝi estas ricevebla por 0,80 Sm. La tragedion ludos la plej eminentaj aktoroj de krakova urba teatro,

Literatura konkurso. — Ni varme petas, ke bonvolemaj personoj, instigitaj de nia unua cirkulero, prokrastu sian intencon pri difino de temoj kaj premioj, ĉar pri tiu grava punkto ni donos interesajn detalojn nur en la plej proksima cirkulero.

Vojaĝo al Krakovo. — Ĉiu aliĝinto ricevas kune kun la provizora kongreskarto specialan tabelon de distancoj inter Krakovo kaj 30 plej gravaj urboj en Europo kaj Azio. La tabelo montras detalajn prezojn de fervojoj (nur en unu direkto ne ire kaj revene !) kaj la daŭron de l'vojaĝo.

Peto. — Fine grava peto al ĉiuj samideanoj, kun kiuj ni interrilatas pri kongresaj aferoj : Ili ne prokrastadu siajn respondojn kaj tiamaniere ne malfruigadu niajn laborojn, memorante la anglan proverbon : « Time is money ».

LOKA ORGANIZA KOMITATO.

## DIVERSAĴOJ

∴ *Monhelpo.* — La Komerca Ĉambro en Angers voĉdonis la 16 januaro monhelpon da Sm. 20 por la loka Esperantista Grupo. Grava estas precipe la morala flanko de tiu subteno. — H. M.

Same, la urbestraro de S-ta Coloma de Farnès (Hisp.) donacis al la grupo monhelpon da 30 Sm. La sumo estas sufiĉe grava, se oni konsideras la krizon, kiu trafis la urbon, kaj la malmultecon de ĝia loĝantaro (4.000). — A. L.

∴ *La popolsumigo en Aŭstrio* (1910). Tio estas la titolo de broŝuro eldonita de la « Bohema nacia konsilantaro » ; ĝi aperis france en la n-o 11 de la franca gazeto « Courrier Européen ». Ĉar ĝi traktas pri intergentaj rilatoj, ĝia enhavo estas leginda. Senpage havebla de « Narodni Rada česka », adreso : 1. Frantiskovo Nabrezi, 10, Praha (Aŭstrio). — P. kaj K.

∴ *Propagando.* — En Accrington (Anglujo) la Del. kaj Vic.-Del. laboras en la Korporacia Tramvoja Oficejo, kaj tion profitas propagando. Jam multaj tramistoj interesiĝis pri nia lingvo kaj ĝin eklernas. — E. R.

∴ *Ruĝa kruco.* — D-ro Yemans altiras la atenton de la tuta Esperantista Ruĝkrucanaro pri la internacia konferenco de la Ruĝa Kruco en Washington (Usono), la 7-17 de majo 1912. Gazetoj estas petataj represi tiun informon.

∴ *Pseŭdonimo.* — S-ro B. Martins d'Almeida informas siajn korespondantojn, ke por faciligi la elparolon de sia nomo, kiu en Esperanto estas alia ol en portugala lingvo, li decidis uzadi de nun en siaj internaciaj rilatoj la pseŭdonimon « Bemaldo ».

∴ *Vojaĝstipendio.* — Oni scias, ke ĉiujare la Burgonja Esperantista Federacio donas, post ekzameno, vojaĝstipendion da 120 Sm. Por 1912 tiu vojaĝstipendio estas aljuĝita al nia fervora Lyon'a samideano, S-ro Poncet, kiu plenumos sian peresperantan vojaĝon en Svisujo kaj Aŭstrio (ĝis Krakovo), en monato majo aŭ junio.

## TRA LA GAZETARO

∴ *Germana Esperantisto* ĉesas esti la oficiala organo de G. E. A. Ĝi de nun aperos duonmonate, en aldonoj alterne propaganda kaj literatura.

«..... Pro la ĝisnuna interkonsentita abonprezo, kiu estas la duono de la ordinara, ne plu estis eble al ni liveri la gazeton al la membroj de G. E. A., se ni ne volas riski tro grandan malprofiton. Niaj traktoj kun G. E. A. pri tiu ĉi afero bedaŭrinde ne kondukis al kontentiga rezultato, tiel ke ni estis devigataj rezigni la oficialecon de nia ĵurnalo, ĝin nun anstataŭos « *La Esperantisto* » de S-ro Fritz Stephan. Ĉu estas bone, ke G. E. A. ĝuste elektis tiun ĉi gazeton, kies redaktoron ĝi ĝis nun pro certaj kaŭzoj forte kontraŭbatalis, tio estas demando, kiun nur la estonteco povos respondi..... ».

∴ *La Bontemplano* estas nova semajna gazeto por Esp. Bontemplanoj. Ĝi aperas kiel aldono de *Germana Esperanto-Gazeto*.

∴ *Internacia Pedagogia Revuo* reaperas en formo de okpaĝa bulteno.

∴ *British Esperantist* (Jan. 1912) represis angle la artikolon de nia kunlaboranto Verto pri « Esperanta Literaturo ».

∴ *Danubo* (Dec. 1911). Sub titolo « Internacia reprezentantaro », (R. Bollack) :

«... Ĝis nun la esperantistoj vivis trankvile, modeste sekvis la vojon celitan kaj la movado ĉiutage plifirmiĝis. Grava organizaĵo U. E. A. multe utilis por la praktika vivo (vojaĝoj, informoj) de la esperantistaro. Dank'al la sindonemo de la delegitoj, konsuloj de ĉiu loko, ĉiu esperantisto irante alilanden trovis, ĉe la unuaj, akcepton koran ĉiam, kaj ofte fratan. La utilo de U. E. A. estas neneigebla ; ĝiaj servoj estas nepre utilaj, ĝiaj delegitoj estas sindonemaj esperantistoj, senbrue plenumantaj malfacilan taskon. Ni devas konservi U. E. A. kaj ni ĝin konservos... ». Ni konservu U. E. A., aro de modestaj, fratoj kamaradaj ! Ni forlasu internacian « oficialan » reprezentantaron, kiu povas ĝojigi nur la ambiciulojn ! ».

∴ *Ondo de Esperanto*, kiu komencas sian kvaran jaron kaj ricevis diversajn plibonigojn, faras enketon pri la temo : ĉu bovbataloj (torokuroj) estas aprobindaj aŭ ne ?

∴ *Norvega Esperantisto* reaperis, kiel oficiala organo de Norvega Esperantistaro.

∴ *Le Travailleur Esperantiste* estas nova gazeto, grandparte en franca lingvo, kiu celas la propagandon de Esperanto ĉe la laborista klaso. (Adr. : 49, rue de Bretagne, Paris).

∴ Okaze de alproksimiĝanta kongreso en Krakovo, pola gazetaro donas propravole favorajn artikolojn kaj notojn pri Esperanto. La plej grava krakova gazeto *Nowa Reforma* (Nova Reformo) presigis en pola traduko leteron de nia paroladisto, S-ro Parrish, kiun li sendis pri Krakovo kaj Polujo al la redakcio de l' « Amerika Esperantisto ». Simile favoras nian ideon aliaj ĵurnaloj krakovaj, precipe *Tygodnik Mienvraŭski* (Burĝa semajna gazeto) kaj *Goniec poniedriadkony* (Lunda gazeto). En du lastaj estas fiksa loko por esperanta fako ; inter aliaj estas presitaj du artikoloj pri praktika valoro de Esperanto kaj pri U. E. A., verkitaj de L. Kronenberg. Ankaŭ la ekstergalicia pola gazetaro informas siajn legantojn ĉiam pli kaj pli ofte pri Esperanto.

∴ En Caracas (Venezuelo), nia Del., S-ro Pastro Marcelo Maldonado sukcesis gajni al nia afero tri ĵurnalojn : *El Universal, La Nacion* kaj *El Heraldo Catolico.* Ĉi tiu lasta publikigas regule kurson de Esperanto. Krom tio ni ricevis dekkvin artikolojn aŭ anoncojn tranĉitajn el tiuj ĵurnaloj (precipe pri la ekspozicio malfermita la 1-an de januaro). Ni tiom pli gratulas tiun fervoran propagandiston, ke lia agado ne estas facila... nek faciligata.

∴ *Tacoma-News* (Tacoma, Usono) 12 Dec. : « Disvastiĝo de Esperanto ; ĝia utileco por vojaĝantoj ; U. E. A. » (de S-ro Lehman Wendel).

∴ En *O Paiz* (Rio de Janeiro, Brazil.), 17 dec. 1911, raporto pri la Zamenhofa festo kaj parolado de D-ro Moreira Guimaraes (kun portreto de l'Majstro).

∴ Ĉiudimanĉe *Osveta Lidu*, unu el la plej gravaj bohemaj gazetoj, enpresas grandan esperantan rubrikon de D-ro Schulhof. Ĝi daŭras jam de unu jaro.

∴ En *El Sol* (Porlamar, Venezuelo), 2 dec., noto pri la nove fondita societo « Amatoroj de Esperanto », kies prezid. estas samtempe redaktoro de la nomita gazeto.

∴ « Internacia Lingvo », de S-ro E. A. Lawrence, en *The Labour Leader* (Londono), 16 dec. 1911 ; en la sama, 29 dec., alvoko de S-ro A. Deane al Socialistaj organizaĵoj. — G. H. L.

∴ S-ro Belenguer, Del. Teruel (Hispan.) publikigis en *El Mercantil* la ĉefartikolon de nia N-o 97 : « Zamenhof kaj Esperanto kiel edukantoj », de S-ro W. A. Vogler.

∴ *O Seculo* kaj *O Diario de Noticias* (Lisbono, Portugal), enpresis dum decembro kuraĝigajn priesperantajn artikolojn ; kelkaj estas tiritaj el nia gazeto. — D'A.

∴ *Le Moniteur de l'Oise* (Beauvais, Franc.), regule publikigas esp. kronikon ; jen kelkaj titoloj : « Esperanto kaj Ruĝa-Kruco » (12 dec.) ; « Senpaga kurso » (30 dec.) ; « Esp. kaj la societoj por soldatpreparado » (14-15 kaj 19 jan.). La aŭtoro estas S-ro L. Demarcy, ĝen. sekr. de la S. F. P. E.

∴ En l'*Eclaireur de Nice* (Nice Franc.), 11 dec. pri la propaganda parolado de S-ro Cresp.

∴ *Excelsior* (Parizo), 13 dec. raportas pri la parolado de S-ro Michelin ĉe la monata festeno de la Pariza Grupo, per kiu li anoncis, ke li donacas por nia propagando 8.000 Sm

∴ *Le Journal du Creusot* (Le Creusot, Franc.), 14 dec. : cirkulero por la grupoj de la Burgonja Federacio ; raporto pri kelkaj festetoj.

∴ *Bayerische Verkehrsblætter* (München, Bavar.), 16 dec. dediĉas preskaŭ tutan paĝon al mallonga historio de nia lingvo.

∴ En *Weinbœhlaer Zeitung* (Weinbœhla, German.) 17 dec., nova knrso anoncata.

∴ Le *Phare Sténographique*, monata organo por Duployé-Stenografio daŭre batalas por nia afero. En la januara numero troviĝas, krom originalaj artikoloj, eltiraĵoj el « Pola Esperantisto », « La Movado », « Franca Esperantisto », « The British Esperantist », « La Instruanto », « Esperanto ». Redaktejo : 77-81 R. St-Sever, Rouen (Franc.). Jarabono : 4 frankoj (Sm. 1.60),

∴ Le *Cri d'Angers* (Angers, Franc.), 1 jan. « La industrio de Hamburgo » (el nia 3-a komerca Bulteno) ; 7 jan., de S-ro H. Muffang, raporto pri la paroladvojaĝoj de S-roj Privat kaj Parrish, sub la titolo « Du apostoloj ».

∴ *Priener Zeitung* (Prien, German.), 13 jan. : « Esperanto kaj Turismo ». — 14 jan. : pri la fondo de la loka grupo, alvoko al forestintaj kursanoj.

∴ *Beilage zum « Werdauer Tageblatt »* (German.) 16 janv., anoncas, ke ĉiusemajne ĝi enpresoss esp. rubrikon kaj komencas tion per informoj pri historio kaj nuna stato de nia lingvo.

∴ En *La Bataille Syndicaliste* (Parizo), 1-jan., longa artikolo de S-ro J. Habert : « Kio estas Esperanto ».

∴ Esperanta semajna angulo, redaktata de S-ro Advokato Rayman en *El Noticiero* (Zaragoza, Hispan. ), 7 jan.

∴ En *Journal du Cher* (Bourges, Franc.), 1 jan., « Esperantista Kristnasko en Foëcy ». — G.

∴ En *St-Ingberter Anzeiger* (St-Ingbert, German.) 15 jan pri la ĝenerala kunveno de la loka grupo.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Juraj Konsilantoj

Ĉar ni intencas aranĝi diversajn enketojn per niaj Juraj Konsilantoj, ni deziras unue kompletigi la liston de la ĝisnunaj konsilantoj, tiamaniere ke en ĉiu lando estu unu. Por tiu ĉi celo ni petas, ke la Esperantianoj, kiuj estas juristoj kaj loĝas en la subaj landoj, bonvolu sin konigi al la Centra Oficejo de U. E. A. En la jenaj regnoj ne ankoraŭ ekzistas Jura Konsilanto : Bulgarujo, Danujo, Grekujo, Nederlando, Norvegujo, Portugalujo, Rumanujo, Rusujo, Serbujo, Svedujo, Turkujo, Kanado, Meksikujo, ĉiuj ŝtatoj de Sud-Ameriko, Aŭstralio.

### Doganoj

U. E. A. intencas starigi specialan servon pri dogantarifoj kun la kunlaborado de diverslandaj kompetentuloj. Ĉiuj Esperantianoj, kiuj plenumas oficon ĉe centra ŝtata doganadministracio kaj havus je sia konstanta dispono la necesajn dokumentojn pri dogantarifoj de sia lando, estas petataj skribi al la Centra Oficejo de U. E. A.

### Novaj Del. Vic. kaj Subdel.

Annonay (Francujo, Ardèche). — VD. : Louis Chenevriers, rue Greffier Chome.

Bizerte (Tunizio). — D. : Lucien Mondésir, rue du Contrôle (Maison Fortin).

Chiaramonte Gulfi (Italujo, Sicilio). — D. : Francesko Ferrante Rosso, studento.

Coloraine (Irlando, Londonderry). — D. : Freeman W. Grofts, civila Inĝeniero, Railway Station.

Dijon (Francujo, Côte-d'Or). — SD. : G. Bourgeois, Elève de Mathém. spéciale, Lycée de Dijon (Liceo).

Ecuvillens (Svisujo, Fribourg). — Josefo Vannier, ĝardenkulturisto.

Goes (Nederlando, Zelando). — D. : J. C. van Valkenburg, kanaladministradisto.

Homel (Rusujo, Mohileva gub.). — D. : David Vigodskij, ĵurnalisto.

Laparrouguial (Francujo, Hérault). — SD. : Lagriffoul, komercisto.

Moulin-Rouge (Francujo, Jura). — SD. : L. Crébely.

Novo Vilijsk (Rusujo, Vilna gub.). — SD. : Georgo Staŝis, fervoja oficisto, Vokzal.

Port Glasgow (Skotlando). — SD. : R. W. Mc. Parlane, Ivybank.

Royan (Francujo, Charente-Inf.). — VD. : A. Raguideau, komercoficisto, 37, rue de Printemps.

Sommières (Francujo, Gard). — D. : Marius Paulet, kuracisto.

Santa Cruz de Tenerife (Islas Canarias). — VD. : Antonio Alvarez y Alvarez studento, Calle Santa Domingo 19.

Welsberg (Aŭstrio, Tirol). — D. : Richard Felser, fervoja oficisto.

Wisnicz (Aŭstrio, Galicio). — D. : D-ro I. Fragner, advokato.

### Ŝanĝoj.

Amiens : D., Reguer, 59, rue Louis Thulier. — Caibarien : D., Celestino Arias Garcia, Patria N-o 8. — Düsseldorf : VD., M. Wiesner, Elisabethstr. 95. — Helmstedt : D., Faanz Resch, oficisto, Südertor. — Voronej : K. Veselovskij, Krutaja ulica.

En la jenaj regionoj, ne plu estas Delegito : Digoin, Hilden, Leiden, Montpellier, Roanne, Tejkovo.

### Citoj.

Amsterdam (Nederlando). — D. : W. Nutters, Van Ostadestraat, (1-a cito).

### Eksigo.

Esperantia Entrepreno : Internationaler Verkehrsbund (Berlin), konforme al § 15, de la Statuto.

### Novaj Esperantiaj Entreprenoj.

Annonay (Francujo). — Annonaya Esperanto Grupo. Adr. : Ges-oj Theolier, rue de Deûme.

Buenos-Ayres (Argentino). — Esperanta Grupo Casal Catale Adr. : Str. Tucuari 1402.

Buenos-Ayres (Argentino). — Propaganda Klubo Esperantista. Adr. : Casilla de Correa 737.

Cours (Francujo). — Esperantista Grupo. Adr. : S. J. Rousset.

Genève (Svisujo). — Senalkohola restoracio Billaud. Adr. : 18, Bd. Georges Favon.

Genève (Svisujo). — Pensiono por Junulinoj, Dir. : S. Taeger. Adr. : 4, rue de l'Ouest, Delices.

Kottbus (Germanujo). — Esperantista Societo. Adr. : Goldener Ring, 46.

Paris (Francujo). — Polica Esperantista Klubo. Adr. : Préfecture de Police.

Poitiers (Francujo). — Grupo Esperantista. Adr. Faculté des Sciences.

Radebeul-Oberloessitz (Germanujo). — Esperanta Societo. Adr.: Th. Kempe, Kaiser Wilhelmstr. 6.

# ORGANIZA DEMANDO

La Esperantista Grupo de Bourg (Ain) en sia ĝenerala kunveno de la 23 oktobro 1911 esprimis la sekvantan deziron

Konsiderante,

Ke ĝenerala organizaĵo de esperantistaro estas kredeble utila, ĉefe por igi plej efika kaj fruktodona la propagandon de Esperanto ;

Ke la praktikaj internaciaj servoj, similaj al tiuj, kiujn nun faras U. E. A. estas la plej bonaj rimedoj por fari utilan propagandon ;

Ke nur farante tiajn servojn ĝenerala organizaĵo povos facile trovi multnombrajn anojn, pagantajn individuajn kotizajojn, kiuj permesos al ĝi vivadi kaj prosperadi.

Sed konsiderante,

Ke U. E. A. tre bone funkcias, kaj faras ĉiujare multajn praktikajn servojn, kiuj konigas al ĉiuj ke Esperanto vivas praktike ;

Ke farante tion U. E. A. tre bone laboras por la propagando de nia afero ; propagando kiu estas la celo de ĝenerala organizaĵo ;

Ke organizi novan asocion celante fari, kiel U. E. A., praktikajn servojn estus malutila ago ;

Ke la Esperantistaro devas timegi la tromultiĝon de la por aŭ per-esperantaj internaciaj societoj ;

Ke ju pli multaj estos tiaj societoj despli malfortaj kaj nevivipovaj ili estos, ĉar :

1-e. Morala vidpunkte : La divido estas certa kaŭzo de malnoblaj kaj malfortigantaj internaj kontraŭbataladoj.

Ĝis nun Esperantistaro tro vidis tiajn malgrandanimajn kaj malaltigantajn malkonsentojn, kiuj tedegas ĝin.

2-e. Praktika vidpunkte : La monhelpoj de la esperantistoj dividitaj inter pluraj asocioj estos nesufiĉaj por ĉiu el ili.

Tiaj estas la kaŭzoj de la malsukceso kaj de la morto de la tromultenombraj entreprenoj, kaj de la neprogreso de nia afero ;

La esperantista grupo de Bourg esprimas la fervoregan deziron *ke anstataŭ malfacile organizi novan nevivipovan asocion ĉiuj fakoj de la ĝenerala organizajo grupiĝu kun U. E. A., por fariĝi unu sola forta internacia asocio, al kiu ĉiuj helpoj de la esperantistoj povos senŝancele kunveni.*

∴ La dua regiona kunveno en Krefeld, okazinta la 4-an. de januaro, akceptis la jenajn decidojn :

Konsiderante, ke U. E. A., ĝis nun plej bone funkciis kiel Asocio por internaciaj rilatoj, ke la laboro de ĝi kun la naciaj propaganda-institucioj estas plej dezirinda, la Krefeldaj Esperantianoj decidis, ke la komisiono por ĝenerala organizo nepre ekzamenu la proponojn de U. E. A., kaj prezentu al la Oka Kongreso projekton kiu plej bone helpos la disvastigon de U. E. A., plue, ke oni trovu metodon plej taŭgan por garantii la voĉrajton de rajtigitaj Delegitoj

# PRI ESPERANTISTAJ HEJMOJ

En multaj grandaj urboj ekzistas nun pluraj propagandaj societoj. Ĉiu el ili ĝenerale ne enkalkulas multajn anojn, ĉiu estas iom neriĉa, ne posedas propran sidejon. Tiuj societoj do kunvenas kutime en aparta ĉambro de kafejo, kie ĉiuj ĉeestantoj estas trude devigataj trinki (kaj se iu ĉeestas akurate, je la fino de l'jaro li estas elspezinta jam multe pro tio); plie la virinoj kelkafoje hontas solaj eniri kafejon. Aliaj societoj kies kaso estas iom pli riĉa, kunvenas en sidejo de alia neesperantista asocio, kontraŭ jam kara luprezo ; tie ankaŭ ili ne estas hejme ; kaj se la ĉambro apartenas al partia asocio, tio povas kredigi inter la publiko, ke Esperanto ne estas nepre neŭtrala. Malmultaj societoj kunvenas en lernejoj, kies unu ĉambron al ili dediĉis favora urbestraro ; tie, malkomforte la anoj enue atendas ĝis la frua horo, kiam la pordisto ilin elpelos. En tiuj tri okazoj, la plej oftaj, la ĉambro difinita al iu societo ne estas okupebla ĉiutage aŭ ĉiuhore ; oni ne povas restadi trankvile, nek kanteti ; inter la kunvenoj, neniu informo estas ricevebla ĉu de l'kafejmastro, ĉu de l'gardisto ; oni ne povas havi afiŝejon aŭ librošrankon. Ĉu ne estus agrable, eĉ utile, posedi kvazaŭan klubejon konstante malfermitan, kie posttagmeze la geburĝoj babilus aŭ tralegus la gazetojn, kie oni sin renkontus, kie la trapasanta fremdulo trovus bonvolan gvidanton ? Ofte oni bezonas en granda urbo vastan ĉambron por kursoj, por festoj, por paroladoj. Komencante sian nunan ĉirkaŭvojaĝon, S-ro Privat diris al mi embarason sian, kiam li estas vizitonta grandan urbon kun pluraj societoj. Li ne scias, al kiu sin turni por preparigi kunvenon. Oni bezonas ĉambregon, kaj ĝi estas tre kara. Se iu societo organizas, li timas ke la aliaj ne ĉeestos (pro jam tro ofta sperto). Estus ja certe pli oportune, se lia parolado okazus en neŭtrala loko, kie ĉiuj estas egalrajtaj.

Ĉe la IV-a en Dresden, S-ro Privat, mi ĝin memoras, prezentis raporton pri « Esperanto-domoj por la junularo », en kiu li, unua, uzas la vortojn : Esperantista Hejmo : « ...oni kreus Esperanto-domojn, kie troviĝus loĝejo, konsulejo, librejo kaj eble eĉ kunvenoj ; ĝi estus ne nur hotelo por fremdaj junuloj sed ankaŭ klubejo, kaj biblioteko, kie la Esperantistaj junuloj de la urbo konatiĝus kun siaj fremdaj kolegoj ». Kial oni ne prenus ĉi tiun ideon, por ĝin iom malpliampleksigi sed iom plilarĝigi ? Ne hotelo, sed nur kunvenejo, klubejo kaj biblioteko. Ne nur por junuloj, sed por ĉiuj Gesamideanoj.

Jen atentinda projekto. Kiel ĝin efektivigi ? Mi ne rakontos teorian solvon ; mi montros praktikajn konsilojn laŭ tio, kio ja ekzistas.

En Lyon estas de 15 monatoj tia Esperantista Hejmo. Post unujara provo, mi sukcesis ĝin persistigi malgraŭ apartaj malfacilaĵoj. Tri punktoj estas konsiderotaj.

1e *Finance.* — Ĉefe, por lui ĉambraron vastan en konvena domo ĉe l'centro de la urbo kaj ĝin agrable kaj komforte mebli, oni bezonas certan sumon kiel eble plej altan por la kreo, kaj promeson de subteno por la sekvo. Unue oni kolektu ĉiajn donacojn, due oni proponu al la lokaj societoj lui ĉambregon por iliaj kunvenoj, trie oni ricevu malkaran enskribiĝon de la individuoj kiel en klubo, kvare oni grupigu respondontojn (en formo de akcia societo, aŭ de financa konsilantaro, aŭ alie). Kompreneble, se ne ĉiuj vesperoj estas okupitaj, oni povas luigi al neesperantista societo.

2e *Administre.* — Tia Hejmo estu nur kunvenejo, sed nepre ne societo. La administrantaro devas havi preskaŭ nur financan rolon, kaj ne sin enmiksi en lokajn disputetojn. Se eble, la kaso helpos al ĝenerala propagando, kaj la Hejmo aliĝos al U. E. A. kaj al nacia societo kiel Esperantia Entrepreno aŭ kiel bonfaranta membro. Oni ne bezonas prezidantojn ; ju pli malmultaj estos la administrantoj, kaj energiaj, des pli bone ili sukcesos ; la eminentuloj estas jam tro okupitaj por vigle prizorgi tian entreprenon.

3e *Morale.* — Oni povas allogi la societojn per nekara luprezo kaj veraj utiloj, kaj la individuojn per laboraj seriozaj kunsidoj, festetoj, esperantaj paroladoj, k. a. Tia Hejmo povas fariĝi centra konstanta propagandejo per ekspozicio ĉiumonate ŝanĝata, en kiu ĉiu Samideano estos feliĉa prunti siajn dokumentojn. Se malfacile oni trovas kursejon en la urbo, kelkaj instruistoj bonvolos helpi. Sed antaŭ ĉio, la organizaĵo sin turnas al la jamaj Esperantistoj, proponante al ili facilajn kaj agrablajn rimedojn por pli profunde studi la lingvon kaj precipe ĝin utiligi kaj uzi. Povas okazi, ke kelkaj ĵaluzos komence tiun organizaĵon, sed kiam ili estos bone komprenintaj la veran celon : utili al Esperantistaj societoj kaj individuoj, tiam ili certe kunhelpos ; ne estas ebla konkurenco inter Hejmo kaj societo. La devizo de Esperantista Hejmo povas esti : propagando, instruo kaj utiligo de Esperanto.

Mi estos feliĉa doni letere ĉiujn pluajn informojn ; bonvolu skribi al la Sekretario de Administra Konsilantaro de Esperantista Hejmo, 78, rue de l'Hôtel-de-Ville, Lyon.

L. P.

## NEKROLOGIO

# A. VAN DER BIEST

Je la momento presigi nian gazeton, ni kun granda ĉagreno eksciis malĝojan novaĵon : S-ro Amatus Van der Biest, organizinto de la Sepa Kongreso de Esperanto kaj unu el la plej fervoraj pioniroj de nia movado en Belgujo, mortis en Antverpeno la 22-an de Januaro. En nia venonta n-o ni pli detale parolos pri la vivo de tiu sindonema samideano, kiu tiel senlace laboris por nia afero kaj al la kiu Esperanto en Belgujo tiom ŝuldas.

Al lia familio ni sendas la esprimon de nia respektplena simpatio.

# Esperantia Vivo

**Morto.** — Kun granda malĝojo ni informas niajn legantojn, ke la fervora Rumana Esperantista pioniro D-ro *Robin* (Bukarest) mortis. Unu el niaj kunlaborantoj sendos al ni kelkajn biografiajn notojn pri tiu sindonema samideano.

**Edziĝoj.** — Nia Delegito en Halifax (Kanado), *S-ro John Morris Geldert* ĵus edziĝis kun *F-ino Laura Eadon.*

En Lisbono (Portugal.) nia Del. *S-ro B. Martins d'Almeida* edziĝis kun norda fraŭlino.

**Naskiĝo.** — Al *Ges-roj G. Rousseau* en Moreuil (Somme, Franc.) naskiĝis filo. Korajn bondezirojn al la juna René.

# Esperantia Parolejo

### En malproksima Siberio

Kiel Sub-Delegito, mi volas averti miajn korespontantojn ke, kvankam poŝton mi ricevas regule unu fojon semajne kaj nenio perdiĝas (mi havas grandan internacian interskribadon), tamen mi

neniam povas tuj respondi, ĉar el mia vilaĝo poŝto ne iras tiel akurate. Mi volonte faros diversajn servojn al ĉiuj samideanoj ; sed ili ne juĝu min severe, se ili ne baldaŭ ricevos la petitajn informojn : ili ĉiam venos, *sed ne tuj.*

Mi profitas la okazon por anonci, ke Esperanto grade disvastiĝas en nia transbajkala regiono. En *Ĉita* oni malfermis grupon. Ankaŭ en la vilaĝoj estas konstateblaj progresoj, precipe inter la klerularo : popolaj instruistoj, pastroj, psalmlegistoj, k. t. p. En vilaĝoj sur la bordo de rivero Ĉikaj, same ĝojiga fakto ; en vilaĝoj *Ŝergolĝin, Bajhor, Krasnij-Jar, Urluk,* troviĝas samideanoj kaj esperantianoj ; trans poŝtoficejo en Krasnij-Jar venas 12 esperantaj gazetoj kaj multe da literaturaĵoj. Tiuj disigitaj samceluloj unuiĝas ĉirkaŭ la reprezentantoj de U. E. A.

Pastro I. Seriŝev,
Selo Sergolĝin *Krasnij-Jar,*
Verhneudinskij Vezd.

### Oni laŭdas !

∴ *S-ro Constant Martin,* instruisto en Chargros Chatelmontagne, kore dankas S-rojn *Kalisky* (Del. Londono), *J. Silbernik* (Del. New-York), *F. Mathieux* (Del. Bruxelles), *F-inon H. Josefson* (Del. Stockholm) pro la sindone liveritaj informoj pri instrua temo.

∴ *S-ro Herbert Harris,* de Portland, Maine, Usono, tutkore dankas la Esperantan Hotelon du Globe, en Parizo, kaj la Esperantistojn en Barcelono, Madrido, Sevilo kaj Gibraltaro, kiuj faris tre agrablaj liajn postkongresajn vizitojn en tiuj urboj.

∴ *S-ro G. Baire,* Del. Boulogne-s-Mer, esprimas koran dankon al la Delegitoj kaj Esp.-ianoj renkontitaj dum lia vojaĝo tra Nederlando : S-ino *Pothast,* S-roj *Krijn, Pakker, Schneiders, Snel, Groscamp, Habermehl,*, ktp., pro iliaj afablaj servoj.

∴ Dum septembro, mi libertempis en Kaŭkazo. Reveninte Peterburgon, mi korege dankas ĉiujn samideanojn, kiuj agrabligis mian restadon en tiu lando, interalie S-ron *A. Zakrjevski* (Del, Ekaterinodar), S-rojn *Mkrtiĉjan* kaj *Babeljan* (en Batumo). Ankaŭ en Tifliso mi trovis varman akcepton. Neniam mi forgesos tiun restadon. — *R. Lorencson* (Del. Peterburgo).

∴ S-ro *F. Laveran,* komerca riprezentanto en Toulouse (Franc.) prezentas sian plej koran dankon al ĉiuj Delegitoj, kiuj lin helpis en komercaj entreprenoj. Ĉar la listo al ni sendita entenas pli ol *40* nomojn, ni ne povas ĝin publikigi, pro ĝia longeco.

---

# Fakaj Societoj

### Esperanta-Psikistaro

La *Esperanta-Psikistaro,* internacia unuiĝo por psikisma studado per Esperanto, kies honora prezidanto estas S-ro Boirac, eldonigis du interesplenajn broŝurojn. En la unua, kiu estas kunlaborada verketaro, aperas artikoloj de S-roj Boirac (Pri Esperantismo kaj Psikismo) ; C. Flammarion (La Psikaj Faktoj) ; J.-C. Chaigneau (De Psikismo al Homaro Integrala) ; Le Cornec (Esperanto kaj Spiritualismo) ; K-o Darget (Pri la homa destino kaj Dio), ktp...

La dua broŝuro enhavas plenan raporton pri la subkongreso de la E. P., okaze de la *Sepa.* En ĝi oni povas legi la raporton de la sekretario kaj detalajn informojn pri la psikaj eksperimentoj faritaj en Antwerpen (Sugestiaj, tiptologiaj kaj hipnotismaj eksperimentoj). Provo de psikisma terminaro finas la broŝuron Kiun, kiel la alian, oni povas mendi, senpage, ĉe : Sekretariejo de E. P. 26, rue Appelmans, Antwerpen (Belgujo).

M. G.

---

# Alvokoj

### Ekspozicioj

∴ Por pli sukcesigi nian movadon en *Ufa* kaj konvinki skeptikulojn, mi baldaŭ aranĝos ekspozicion de ĉiaj esperantaĵoj. Ĉar mia kolekto por tiu celo bedaŭrinde estas ne sufiĉe kompleta, mi petas ĉiujn eldonistojn kaj aliajn samideanojn helpi min, sendante al mi specimenojn de gazetoj, libroj k. a. esperantaĵojn por tiu ekspozicio, kiu poste estos ĉiam ripetata. Antaŭdankon !

Delegito Veterinaro N. Foss,
Rusujo, UFA.

∴ Same en Capodistria. Oni bonvolu sendi al ni (aŭ prunte, aŭ donace) tiom da esperantaĵoj, kiom eble ; fotografaĵoj kun subskribo estas ankaŭ plezure akceptataj kun antaŭa danko al ĉiuj helpontoj ! Adreso : *Capodistria* palaco Percolt de Foscarini, Via Eugenia.
Antonio Minutti, Instruisto.

∴ Al la sama celo, mi decidis en nelongedaŭra tempo organizi en mia urbo esperantan ekspozicion. Por atingi ĝin, estas al mi necesege havi la vidaĵojn de diversaj landoj, ekzemplerojn de esperantaj gazetoj kaj ĵurnaloj kaj ankaŭ la katalogojn de firmoj, uzantaj la lingvon internacian.

Ne dubante, ke ĉiu fervora esperantisto, alportos al mi laŭfortan helpon, mi permesas al mi peti ĉiujn gesamideanojn, redaktejojn kaj firmojn sendi al mi la vidaĵpoŝtkartojn (la poŝtmarkojn oni devas glui bildflanke), ekzemplerojn de gazetoj, kaj katalogojn, laŭ jena adreso : Rusujo, Siberio, u. *Krasnojarsk,* Gubernia Akciza Oficejo al.
Anatolo Grigorjev.

∴ En *Toulon,* la Delegito kaj la grupo aranĝis en publika ĉambro de grava loka ĵurnalo, konstantan ekspozicion pri U. E. A., kaj ĝenerala propagando. Ĝi estas tre vizitata kaj elvokas grandan intereson. La Delegito tre danke akceptos ĉiujn librojn, gazetojn, gvidlibrojn, reklamilojn, poŝtkartojn, k. t. p., kiujn oni bonvolos sendi tiucele. Adreso :

P. Berenguier, *Toulon,* 20, rue des Bonnetières, (Var, France).

### Alia urbo provos Esperanton

Al ĉiuj esperantistoj kiuj deziras ian ajn informon pri urbo Tacoma aŭ ĝia ĉirkaŭaĵo nia komerca klubo estas nun preta respondi en Esperanto. Ni esperas ke ĉiuj interesatoj prenos ĉi tiun okazon por informi sin pri la vasta kaj mirinda okcidento. La okcidento estas la estonta lando ; Washington estas la ŝtato de promeso, kaj senhezite ni povas rekomendi Tacoma kiel la plej belegan kaj la plej allogan urbon en nia ŝtato. Ĝi estas moderna urbo kun pli ol 100.000 loĝantoj. Ĝia alloga ĉirkaŭaĵo, ĝia milda klimato (somera temperaturo 60 65 gradoj, vintra 40-45 gradoj), ĝia beleco kaj pureco igas ĝin ideala urbo por la hejmserĉanto. Ke tio estas fakto atestas la ĉeesto en nia urbo de multe da progresemaj alilanduloj. Skribu ankoraŭ hodiaŭ al « Commercial Club », Tacoma, Washington, U. S. A.

### Esperantaj Fonografoj

La muzikebdonejo Besnard, 26, rue Antoinette, Parizo, kiu faris alvokon en nia gazeto (No 111) pri platoj kun esperantaj kantoj kaj paroladoj, informas la multajn korespondintojn, ke de nun afero estas ebla. Ĝi intencas komenci kompreneble per la verkoj de nia Majstro, ekzemple « La Espero » (kanto), Preĝo sub la verda Standardo » (deklamo) kaj aliaj. La diskoj kostas po 2 Sm., ne kalkulinte la sendelspezojn ; ĉiu entenos du kantojn aŭ deklamojn.

### Al ĉiulandaj amikoj de Paris

Ĵus aliĝis al U. E. A., kiel Esperantia Entrepreno, la tre grava Asocio *Les amis de Paris* (La Amikaro de Paris) kiu, post apenaŭ unu jaro de ekzisto, jam enhavas pli ol 1.500 membrojn.

Aliĝante al U. E. A. la *Amis de Paris* deziras unue montri sian simpation al nia afero sed, ankaŭ kaj precipe, *provi utilecon* de nia lingvo kaj vidi la servojn kiujn ĝi povas fari, per U. E. A. Sekve la estraro de tiu asocio esprimis al mi, insiste, sian deziron, havigi al si, nur *per* Esperanto kaj U. E. A., reprezentantojn kaj delegitojn en la ĉefaj urboj nefrancaj.

Ĉiuj esperantianoj komprenos la gravecon de tiu provo kaj faros, mi estas certa, ĉion eblan por efektivigi tiun projekton kaj ĝin sukcesigi.

Mi do min turnas al ĉiulandaj amikoj de nia franca ĉefurbo kiuj akceptus labori kun ni, per Esperanto por konigi Parizon ekster-

landen, per privata propagando, paroladoj, artikoloj, disdono de reklamfolioj, ktp. aŭ nur por helpi nin morale, akceptinte, ekzemple, titolon de delegito de la A. de P. en sia urbo aŭ regiono.

Mi esperas ke mia alvoko estos aŭdata kaj ke ĉiuj bonvolaj samideanoj, esperantianoj kaj delegitoj de U. E. A., — precipe tiuj kiuj uzas la lingvon francan, sin konigos al ni. Mi restas je ilia dispono por havigi al ili ĉiujn necesajn sciigojn kaj pluajn detalojn pri la celo kaj stato de la *Amikaro de Paris* kaj kondiĉoj de delegiteco. Ili nur akribu al mi, esperante, per respond-poŝtkarto adresita al *Les Amis de Paris*, 167, rue Montmartre, Paris, kun tiu aparta noto : « por S-ro Génermont, Del. U. E. A. ».

M. G. (Del. Paris).

### Nova Societo

Nun ekzistas tra la tuta mondo civilizita pli ol tridek milionoj da homoj kiuj kore malaprobas la nunajn metodojn de la kuracado de korpaj malsanoj per drogoj, kaj tute eble estas pli ol dudek milionoj da sekvantoj de tiu kredo kiun fondis la mondfama S-ino Maez Baker G. Eddy de Bostono. Preskaŭ samnombre, eble, ekzistas la adeptoj de aliaj kredoj kaj sistemoj, kiel ekzemple, la aerkuracistoj, hidropatiistoj (akvokuracistoj) fastadistoj, ktp., ktp. Tamen, mi ne volas diskutadi ĉi tie la meritojn aŭ malmeritojn de la kontraŭ-drogaj metodoj, mi volas pritrakti, precipe, pri la fondebleco de tia societo por la samideanoj, kiuj estas entuziasmaj pri tiu temo. Kompreneble, ĉiu el ni scias, ke jam ekzistas Esperanta kuracista Asocio, la T. E. K. A., kaj mi ne povas kompreni kial ni ne ankaŭ povus havi unu. Parolante nenion pri la profitoj gajneblaj el tia movado, oni devas ĉiam memori ke kiam fondiĝas ia asocio (Esperanta), pli bone montriĝas la utileco de nia lingvo kaj ju pli multajn aferojn ni havas por interesi nian kunularon, des pli bone kreskos la nombro de samideanoj. Mi esperas ke per tiu ĉi malgranda letero mi ĵetis ideon, kiu ne restos senresponda.

Ilo Mista.

# REKLAMO

## TARIFO

**Anoncetoj.**

Korespondado. — *Unu enskribo (2 linioj): 20 Sd (= 50 centimoj).*

Petoj & Proponoj; Komercaj reklamoj. — *Unu linio (10 vortoj) 15 Sd (= 40 centimoj).*

*Niaj abonantoj rajtas unu enskribiĝon por korespondado aŭ dulinian anonceton senpage.*

**Reklamo.**

*1 linio aŭ ĝia spaco 20 Sd (= 50 centimoj).*

*Por 4 enpresoj (anonceto aŭ reklamo) rabato de 10 o/o; por 12 enpresoj, 25 o/o; por 24 enpresoj (unu jaro), 50 o/o.*

Avizo. — Ĉia reklamo aŭ anonceto estu sendata antaŭ la 10-a kaj 25-a de ĉiu monato al nia administrejo aŭ per niaj agentoj. Antaŭa pago per poŝtmandato aŭ respond-kuponoj. Naciaj markoj ne akceptataj (krom por Hispanujo Rusujo).

Ĝeneralaj Agentoj. — G. Warnier, 1, Avenue de Sceaux, *Versailles*; Publicité Esperanto Herlemont, 25, rue Saint-Vincent-de-Paul, *Paris*, X^e; S-ro A. Dupuis, rue de l'Arc-de-Triomphe, 2, *Paris*; A. G. Browne, 20, Wellington St. Strand, *London, W. C.*; Tutmonda Esperanto-Anonceekspedo, Th. Auding, *Berlin, S. W. 48*; Germana Esp. Librejo, Sternwartenstr., 40, *Leipzig*; Esperanto-Librejo, Tverskaja 28, *Moskvo*.

## KORESPONDADO

La subaj anoncetoj pri Korespondado estas publikigataj sen garantio de ni pri regula respondo.

La personoj, kiuj deziras korespondi en daŭra maniero kaj havi garantiojn pri akurata respondo, aliĝu al la nova fako de U. E. A. « Universala Interŝanĝa Asocio » (kotizaĵo 0.50 Sm.), speciale starigita por faciligi la rilatojn inter korespondantoj kaj kolektistoj. La adresoj de la membroj de la Interŝanĝa Asocio estas publikigataj en la Interŝanĝa Bulteno.

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b. fl. = *bildflanko*.

Abbeville (Francujo, Somme). — S-ro Turey-Racine, 12, boulevard de la République, PI. L.

Amiens (Francujo). — S-roj René Hautecœur kaj Maurice Mautecœur, 46, rue St-Jacques, PI.

Amiens (Francujo). — S-ro Karlo Seigneur, 109, rue St-Jacques.

Bad Reichenhall (Germanujo-Bavarujo). — S-ro E. Schwartz, Villa Continental, nur PM. (nur kun neeŭropanoj).

Barcelono (Hispanujo). — S-ro José Valero, San Gil 7-4-1-a, PK. L. (precipe pri teatraj aferoj).

Boscochiesanuova (Italujo, Verona). — S-ro Able Finazzi, PI. PM.

Boulogne-sur-Mer (Francujo). — F-ino Louise Haignéré, instruistino, 149, rue du Moulin à Vapeur, PI.

Bradford (Anglujo). — S-ro Roland William. 56 Wharncliffe Drive-Eccleshill, PI.

Braunschweig (Germanujo). — S-ro Robert Bartels, poste restante, PI., PM., bfl. (kolektas Esp. jurnalojn).

Bruselo (Belgujo). — S-ro V. Lamberts, poste restante, PI. bfl.

Bruselo (Belgujo). — S-ro Kersten, 112, Avenue de Jette, belaj PI., (Nur kun ĉefurbanoj de Eŭropo, kaj kun ĉiuj ne-Eŭropanoj.)

Colmar (Germanujo). — S-ro J. Grillon, Rœsschmannstr. 1, PM. (nur kun neeŭropanoj).

Dresden (Germanujo). — S-ro Willy-Bratfisch, asekura oficisto, Dresden N. 17, Radebeulerstr. 8/II, PI., L., PM.

Dresden (Germanujo). — Esperanto-Unuiĝo Zamenhof, prez. M. Tæschner, Tzschimmerstr. 3 (petas alsendon de esp. gazetoj kaj PI., el ĉiuj landoj por propagando).

Ecuvillens (Svisujo, Fribourg). — S-ro Joz. Vannier, PI., bfl. (kiuj havas bildojn de soldatoj kaj urbaj vidaĵoj).

Ekaterinburg (Rusujo). — S-ro Serge Riabov, Glavn prosp., 9 PI., L., PM.

Ekaterinburg (Rusujo). — S-ro Anatole Fédoséev, Klubnaja, 8, PI.

Elberfeld (Germanujo). S-ro Plate, Ravensburgestr. 32, prez. de la grupo « Verda Stelo » (la gekursanoj de la grupo dez. koresp. kun eksterlandanoj).

Genova (Italujo). — La lernantoj de la Liguria instituto de Esperanto : Salita Pollaiuolli 13-4 Ĝenova, de ĉiuj aĝoj kaj kondiĉoj deziras korespondi kun ĉiulandaj samideanoj. (Ĉiam aldonu la aĝon kaj kondiĉojn).

Gerona (Hispanujo). — S-ro Alberto Pastells, str. Nueva del Teatro. 16, 2-a kaj S-ro. Elia Pigun strato Ruella 5, PI. (kun alilandaj samideanoj).

Horuice apud Ĉaslav (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Karel Skrivanek, instruisto, PI. L. (precipe kun kol. instruistoj.

Ciskunhalas (Hungarujo). — Hœnig Fereno, PK., PI., PM., bfl.

Kœln (Germanujo). — S-ro Kral Anton, Baumwollspinnerei, PI.

Kœnigsberg (Germanujo-Prusujo). — S-ro Wilhem Krug, Philosophendammgasse, 17, PI. (kun eksterlandanoj).

Luck (Rusujo-Wolynska). — S-ro Josef Wojcikiewicz, Ostrozec, librotenisto de Administrejo Ostrozec (interŝanĝi skemojn de terkulturaj libroj, fotografaĵojn, PI., PM.)

Manlleu (Hispanujo). — S-roj Felipe Guardia, str. Sr. Martin 27 Fracisco Erre, str. Sr. Antonio 17.

Montevideo (Urugay). — S-ro Raŭl V. Idoyaga, Casilla de Correo 303, PI., K (kun ĉiulandaj samideanoj, escepte francaj, anglaj, germanaj, aŭstriaj kaj rusaj. Respondo laŭ deziro per 2 aŭ 3 kartoj).

Moreuil (Francujo, Somme). — S-ro René Bultel, 7, place Parmentier, PK.

Novoĉerkask/Dona (Rusujo). — S-ro Boriso Popov, Mariynskaja 36, PM.

Novoerkask/Dona (Rusujo). — S-ino Klaŭdia Popov, Mariynskaja 36, PI. (belaj kupetoj kaj tipoj, kun ĉiuj landoj).

Novoĉerkask/Dona (Rusujo). — S-ro A. Ponomarev, Uniĵne Oblastnogo Hospitala, PI.

Omsk (Siberio). — S-ro Al. Vjetohen, Dumskaja 81, PI.

Pasztohaza (Hungarujo Vas-megye). — S-ro Kalzman Wencel, instruisto PI.

Petersbourg (Rusujo). — S-ro K. V. Popov, 5 Tarakanovka, PI. (speciale kopiojn de pentraĵoj kaj prefere skulptaĵoj de lokoj pinakotekaj).

Podgarze-Krakov (Aŭstrio, Galicio). — S-ro Michaelo Sudlitz, PI. L.

Praha (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Josef Sourek, stud., Akademické gymn. PI.

Omsk (Siberio). — S-ro V. Levin, Atamanskaja 5.

Radonvillers apud Dieuville (Francujo, Aube). — S-ro Marcel Mielle.

St. Gallen (Svisujo). — Esperanto-Klubo, PI.

Uh. Hradiŝte (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Vitorio Beniĉek, stud. de komerca lernejo, (pri ĉio ajn PI., L. ktp.).

Varsovio (Rusujo). — S-ro Josef Finkielsztojn, str. Zlota 59-a PI. (proks. 25 Esp. Esp. junuloj per tiu adreso).

K. Vinohrady (Aŭstrio), Bohemujo). — S-ro Jos. Jarolim, Palackeho tr. 53, PM., PI.

Warnsdorf (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Robert Hoffmann, 1204/IV, PI., PM.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ATENTU ! Bonvolu antaŭsendi Mk 1 (1 fr. 25) kaj vi ricevos sukcesplenan novan kanton : *Mi amas vin* (5 ekz. Mk 4. — Fr. 5 ; 12 ekz. Mk 8. — Fr. 10 ; 20 ekz. Mk 12. — Fr. 15 ; 40 ekz. Mk 20. — Fr. 25. — S-ro Felix Hlobil, Valaŝ. Meziriĉi, Austrio-Moravio.

TEKNIKISTOJ ! — S-ro O. Melzer, instruisto, Annabergerstr. 247, *Chemnitz* (German.) (petas adresojn por junaj teknikistoj, ne en Germanujo).

ESPERANTISTOJ ! — Ĉiu, kiu sendas al mi PI. kun skulptaĵo (plej volonte monumento kun rajdanta viro) ricevos senpage : Svedan kantaron sen melodioj. Adreso : E. Finn, Upsala-Svedujo.

FAMILIA PENSIONO en ĉarma loko. F-ino Cianferoni, Lung' Arno Acciainoli 2 bis. Firenzo. Oni parolas Esperante.

FRAŬLINO, bone edukita, parolanta perfekte francan kaj anglan lingvojn estas serĉata por 3 geinfanoj 12-10-9-jaraj. Oni skribu al S-ro Quambusch, apotekisto en Cœln-Deutz (Germanujo).

GERMAN-AŬSTRIA ESPERANTISTO. — Pri la 8 a internacia kongreso Esperantista 1912 informas bonege la oficiala organo de la Ligo de Germanlingvaj Aŭstriaj : German-Aŭstria Esperantisto. Ĉiumonate Esperante kaj Germane. — Jara abono Sm. 1,25 — k. 3. Administracio : Wien VI, Dürergasse 19.

POŜTMARKOJ. — S-ro V. J. Perevalov, termezuristo, Lugovaja ul., 54, *Irkutsk* (Siberio) interŝanĝas kolektojn da rusaj PM. je kolektoj da diversaj regnoj aŭ PI. karakterizantaj aliajn landojn).

ĴUS APERIS : LA TREZORO DE L'ORAĴISTO, historia romano de August Ŝenca, la sudslava Turgenjev. Trad. Fran Kolar Krom (Bjelovar, Kroatujo) 290 paĝoj kun portreto de l'aŭtoro. Nur 1 Sm. — Aĉetebla en ĉiu librovendejo kaj ĉe la tradukinto. Alilandulo aldonu 15 % por afranko.

KORESPONDANTO esperanta, germana, bohema slovaka kaj magiara serĉas situacion. Adresu : Jollay, Brno, Herlothova ul č. 4 patro 4 (Autriche).

KRIZANTEMOJ kun grandaj floroj. Kolekto da 250 malsimilaĵoj. Oferas junajn kreskaĵojn tre vivantajn, sendeblajn en Marto-Aprilo. Prezo : 5 frankoj po 12 specoj malsimilaj. Koloroj tre diversaj. Katalogon laŭ peto. S-ro A. Hollert, amatora ĝarden kulturisto, Boulogne-sur-Mer (Francujo).

INTERŜANĜO. — S-ro Muffang, licea profesoro, Angers, France, dez. sendi sian filon 15-jaran en germanlingvan familion, prefere instruistan, kaj ricevi interŝanĝe samjaran junulon.

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastian (Hispanujo).

S-RO RAFGANOV petas insiste siajn korespondantojn, skribintajn al li laŭ lia anonco en No j : 113 kaj 114 de « Esperanto », ree skribi al li, ĉar tiuj leteroj okaze ne estis ricevitaj. Adreso : Rusujo, poŝto Pjatihori, Kiev gub., poste restante.

ŜANĜO DE LA ĴURNALO « DIA REGNO » monata organo por internacia Kristana Misio per Esperanto. De la 1-a de Januaro tiu ĉi jurnalo regule enhavas literaturan aldonon : *La Stelo de l'Feliĉo*. La jarabono je la gazeto *kaj* aldono kostas 1,500 Sm. ; je la gazeto *sen* aldono 1,000 Sm. Kiu intencas aboni, postulu senkostan specimenon de S-ro Paul Hübner, *Dellbrück* ap. Kœln (Germanujo).

TAJLORO KAJ PENTRISTO serĉas laboron en Svisujo. Proponojn al adreso Hubert Brezina, Sobeslav (Aŭstrio-Bohemujo).

VINO-EKSPORTO, pogrande kaj malgrande al ĉioj landoj. Riprezentisto : Paul Hess, Roon-str., Hannover, Germanujo.



*ĴUS APERIS :*

**KARAKTERO,** laŭ M. J. M. Van Stiprian LUISCIUS, advokato en Hago, tradukita laŭ la 5-a Nederlanda originalo. En 24 ĉapitretoj la aŭtoro priskribas la proprecojn de bona karaktero. Ĉiu serioza Esperantisto ĝin nepre aĉetu !

Enhavo 30 paĝoj. Prezo 0,200 Sm. ; afrankite 0,250 Sm. Mendu ĝin per la Esperantistaj librejoj aŭ ĉe la eldonisto, Librejo « Espero », Prinvestraat, 48, Hago (Nederlando ».




*La Administranto (Gérant) :* MICHAUD

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).


